# Etnismo

ISSN0939-8724

N-RO 75 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.12.2004



*Agnès NAGOGAK* - **LA NORDAJ SIGNOJ**, 1987

«Oni faris *inukŝuk*-ojn (ŝtonajn homojn) borde de la lagoj, kie ni fiŝkaptis. Tiu ĉi havas *kudilik*-(oleolamp-) okulojn kun flamaj brovoj. La lipoj formas pafarkon kaj la tatuoj estas sagoj. Oni uzis *inukŝuk*-ojn kiel vojindikilojn .»



*Tivi ETOOK* - **POLUSA URSO ĈASATA**, 1976

El ***Art Inuit***, far *Claude Baud*, *Irène Brice* kaj *Michel Jacot*, kun antaŭparolo de *Michel Butor* (1997, Fragments Editions, Parizo ; dulingva libro – franca kaj angla).

## En tiu ĉi numero:

# Historia kontrakto inter Groenlando kaj Usono

***La groenlandaj aŭtoritatoj, ekde jardekoj sub la tutelo de Danlando, unuafoje partoprenis al internaciaj negocadoj. Sed la popolo sentas sin perfidita. Ekde 1951 ĝi atendas redonon de teroj okupataj de Usono.***




Unuafoje en sia historio la aŭtonoma groenlanda estraro partoprenis internaciajn negocadojn. La 6an de aŭgusto 2004 kontrakto estis subskribita inter Usono kaj la groenlanda estraro pri la usona bazo de *Thule* (vidu ĉi-sube la duan parton). La groenlanda ministro pri eksterlandaj aferoj, *Josef Mortzfeldt*, oficiale esprimiĝis antaŭ la ŝtata sekretario de Usono kaj ties dana kolego, *Per Stig Moeller*: "decidiga dato pri kiu la historiistoj rememoros, kiel la momento kiam Groenlando proksimiĝis al egaleco kaj respondeco, forigante samtempe la malsuperecan senton kaj indiferenton de la kolonia epoko".

**Kreo de militista bazo en *Thule* sen konsulti la loĝantojn**

En 1951 usonanoj instaliĝis en la regiono de *Thule,* nord-okcidente de Groenlando. La lokaj loĝantoj sentis fortan humiligon, kiam Kopenhago kaj Vaŝingtono subskribis la unuajn interkonsentojn, antaŭvidante konstruon de radara bazo sen konsulti la Ĉasistan Konsilantaron, kiu tiam reprezentis la lokanojn. Estis la malvarma milito kaj Danlando deziris retrovi sian povon super Groenlando, okupata de Usono ekde 1941, tamen sen malkontentigi sian potencan aliancanon. En 1953, obeante al usona peto, Danlando forpelis la inuitajn loĝantojn el *Thule* 100 km norden.

**Aŭtonomiiĝo kaj partopreno en negocado**

Nur en 1979 Groenlando fariĝis aŭtonoma teritorio. Temis pri aŭtonomio komence tre limigita, sed iom post iom la lokaj aŭtoritatoj firmiĝis, helpataj en tio de la dana publika opinio, kiu, post la fino de la malvarma milito, evoluis favore al groenlandanoj. Kaj kiam en decembro 2002 la usona prezidento *Bush* aludis unuan fojon la projekton modernigi la *Thule*-bazon, la groenlanda aŭtonoma estraro tuj kaptis la okazon larĝigi sian suverenecon koncerne propran sekurecon. Ĝi tiam postulis tujan renegocadon de la kontrakto subskribita en 1951. Kopenhago akceptis la iniciativon de la lokaj aŭtoritatoj, vidante en tio "okazon malaperigi la malnovajn koloniajn demonojn", rakontas *Jens Broested*, aŭtoro de verko pri la translokado de la inuitaj loĝantoj de *Thule*. Sed Danlando ne povis riski la perdon de la aviadila bazo kaj forte kontribuis al la proksimigo de la pozicioj usonaj kaj groenlandaj. La negocadoj finiĝis en majo 2004. Ne nur Groenlando kapablis trudi sian aŭtoritaton je la negoca tablo, sed ankaŭ Usono akceptis okupiĝi pri purigado de la bazo, malfermi siajn universitatojn al la groenlandaj studentoj kaj favori la aliron de la groenlandaj produktoj al la nordamerika merkato. Kaj la interkonsentoj subskribitaj en *Igaliku* antaŭvidas, ke Groenlando rajtos nomumi interne de la usona bazo propran oficiron, kiu devos esti konsultita kaze de nova transformo de tiu bazo. *Josef Motzfeldt* eĉ aludis veto-rajton, kiu ebligus al la lokaj aŭtoritatoj kontraŭstari disvolviĝon minacantan la tutmondan pacon. Eĉ se Usono rifuzas tiun principon de veto-rajto, *Colin Powell* diris, ke "paĝo turniĝis en *Igaliku*".

**Ne ĉiuj groenlandanoj kontentas pri tiuj rezultoj**

Tamen por multaj inuitoj la subskribo de la interkonsentoj rajtigantaj Usonon mordernigi sian groenlandan bazon estis plia bato. Al ili ŝajnis revivi la koŝmaron de la 25a de majo 1953. Nur redono de teroj povas savi la inuitojn.

*El La Liberté*

# Konkerado de aŭtonomio

Kun areo da 2,2 milionoj da km$^2$ Groenlando estas la plej granda insulo de la mondo. Loĝata ekde proksimume 4000 jaroj de inuitaj triboj, la teritorio, kovrita je 80% de glacio, entenas hodiaŭ ĉirkaŭ 56.700 loĝantojn, kies 60% vivas en la ses plej grandaj urboj de la regiono. Sub dana aŭtoritato ekde la 18a jarcento, Groenlando estis aneksita de Kopenhago en 1921. En 1953 ĝi fariĝis dana departemento reprezentita pere de du deputitoj al la *Folketing* (dana parlamento).

***Knud Rasmussen*, kreanto de la kontoro de *Thule***

En la konstruo de groenlanda aŭtonomiiĝo tre gravis la rolo de *Knud Rasmussen*, etnologo kaj administranto. *Knud Rasmussen* naskiĝis junien 1879 en *Jakobshavn* (*Illulissat*). Li estis dana civitano kun inuita avino, kiu instruis al li sian lingvon. Li travivis siajn junajn jarojn en Groenlando (golfo de *Disko*), ludante tie kun lokaj infanoj, uzante ilian lingvon. Lia imagpovo estis nutrita de la eskimaj pralegendoj, kio instigis lin ankoraŭ pli bone kapti la kernon de tiu kulturo. Kiel juna viro li partoprenis diversajn ekspediciojn por malkovri la groenladan insulon. Kun *Peter Freuchen*, alia esploranto, li kreis la kontoron de *Thule* en 1910. Preskaŭ dudek jarojn poste, la




*Foto el "ultima Thule"de J. Malaurie*



*La dana ŝtato ordonis en 1953 la translokigon el Thule, eta inuita komunumo de ĉasistoj kaj fiŝkaptistoj. 187 personoj estis devigitaj forlasi siajn de jarmiloj loĝataj terojn por migri al Qaanaq, 150km norden.*

29an de aŭgusto 1929, iu konsilantaro de ĉasistoj kreiĝis tie post referendumo inter la inuitoj, laŭ respekto al la loka kulturo. Tiu unua inuita "estraro" en la historio estis bazo de memmastruma registaro konstruiĝanta sur egaleca fundamento. 16 jarojn poste la malnovaj inuitaj kutimoj adaptitaj al la modernaj kondiĉoj estis kodigitaj en leĝo, kiu establiĝis la 7an de junio 1930. Adoptita post multaj diskutoj inter inuitoj, tiu leĝo estis bedaŭrinde nuligita en 1963, kiam la distrikto de *Thule* estis integrita en la komunuma sistemo de Groenlando. Ĝis 1951 estis ege malfacile por danoj aŭ eksterlandanoj eniri tiun komunumon.

**Alveno de usonaj militistoj en *Thule* kaj forpelo de la loĝantoj 120 km norden**

Ĝuste en julio 1951 5000 usonaj militistoj ekinstaliĝis en *Thule*. Aviadila bazo estis konstruata. Iom sekrete en la komenco, ĉar, kvankam la danaj aŭtoritatoj estis avertitaj kelkajn monatojn antaŭe, la loka ĉefadministranto plendis, ke li ricevis neniun instrukcion de Kopenhago por informi la loĝantaron. La 25an de majo 1953, 27 inuitaj familioj vivantaj en *Thule* ricevis ordonon de Kopenhago subite evakui sian vilaĝon. Nur kvar tagojn ili havis por forlasi siajn terojn okupitajn de siaj praavoj ekde pli ol 4000 jaroj. Kvar tagojn por paki la posedaĵojn, meti ilin sur glitveturilojn kaj veturi 120 km norden ĝis *Qanaaq*, kie tendoj estis provizore pretigitaj, antaŭ la konstruo de loĝejoj kelkajn monatojn poste. Premita de Vashingtono, kiu deziris konstrui la militistan bazon de *Thule* sen ĝeno de lokanoj, Kopenhago mensoge anoncis, ke la translokado de tiu popolo estis organizita laŭ ties "propra peto". Tute ne vere, protestas la atestantoj, rakontante ke, kiam la vilaĝo malplenis, la lokaj aŭtoritatoj bruligis la domojn por esti certaj, ke neniu revenos.

**La inuitoj ekbatalas**

La integriga politiko de Kopenhago kulminis en 1972, dum la referenduma kampanjo pri la aliĝo de Danlando al la Eŭropa Ekonomia Komunumo (EEK). Tiuokaze Groenlando plejmulte voĉdonis kontraŭ la Komuna Merkato, sed ĝi devis konformiĝi al la balota rezulto, pozitiva en Danlando. Tiu deviga submetiĝo plifortigis la rankoron de la groenlandanoj rilate al ilia "kuratoro". En 1977 naciista partio, *Simut*, kreiĝis kaj batalis por atingi suverenecon. Du jarojn pli malfrue teritoria estraro estis finfine starigita kaj ekde tiam Groenlando disponas pri larĝa interna aŭtonomio, kiu interalie rajtigis ĝin forlasi EEK-n.

Tamen se groenlandanoj daŭre batalas por kreskigi sian aŭtonomion, la teritorio plu restas dependega de la metropolo kaj de ties subvencioj, kiuj atingas ĉirkaŭ 40 milionojn da eŭroj jare.

**Lasta espero**

En *Qanaaq* la vivkondiĉoj malfacilis: "La alveno de la 116 inuitoj de *Thule* kreis troloĝatecon kaj mankon de ĉasbestoj en la regiono", rakontas *Jens Broested*. Hodiaŭ 80% de la vilaĝanoj vivas per sociaj pagoj el Danlando kaj "nur la redono de la propraj teroj povas garantii la supervivadon de tiu popolo", certigas ilia advokato, *Christian Harlang*, kiu parolas pri "unu el la plej nigra periodo en la historio de la reĝejo". "78 postvivantoj kaj iliaj 521 idoj fondis, en 1996, la akuzan asocion *Hingitaq 53* (la elpelitoj de 1953)" skribis *Uwe Moritz* en la numero 66 de ***Etnismo***. La 20an de aŭgusto 1999 *Hingitaq 53* procesis kontraŭ Danlando kaj la supera tribunalo de Kopenhago verdiktis kontraŭ la reĝlando Danio. La tribunale fiksita kompenso rezultis ege malpli granda ol la postulita (jam la grupo reduktis sian postulon je triono): la reĝlando pagis kolektivan kompenson de iom pli ol 60.000 eŭroj (duona miliono da kronoj) kaj individuan kompenson de inter 1.600 kaj 3.600 eŭroj. Ne kontentigita de tiu rezulto, la 28an de novembro 2003 *Hingitaq 53* denove atakis la reĝlandon. *Uusaq Qujaukitsok*, la prezidanto de la asocio, kiu mem travivis la ekzilon kiel infano kaj estis profunde vundita de tiu dramo, ĉeestis la proceson en tradicia vestaĵo. La supera kortumo de Danlando konfirmis la juĝon de la unua tribunalo, decidante pri damaĝkompenso de po 1.900 eŭroj sed rifuzante plian fojon la redonon de la teroj. Tiam Danlando kaj Groenlando estis negocantaj la novajn pridefendajn interkonsentojn kun Usono. "Al la juĝistoj mankis kuraĝo kaj sendependeco", opinias *Christian Harlang*, kiu nun apelacias al la Eŭropa Kortumo. Sed ties decido ne devus okazi antaŭ 2006. *El pluraj artikoloj de la Liberté kaj de Etnismo, el Ultima Thule de Jean Malaurie*

Pliaj informoj:
***Etnismo***: nro 14, 1976, p.14-15: ***Neniigita kiel popolo***, nro 16, 1977, p.7-11: ***Memregado por Groenlando***, nro 26, 1981, p. 1-2: ***Ĉu eskima renesanco?*** nro 64, 1998, p.12-13, ***Kalaallit Nunaat - granda insulo, malgranda popolo, ĉu hontiga kulturo?*** nro 67,2000, p. 13: ***Nunavuto, (lando de la popolo), antaŭ unu jaro ekfunkciis la aŭtonomio en arkta Kanado***.

**Libroj:**
En la franca: ***La Parole Inuit***, Louis-Jaques Dorais, Langue, Culture et Société dans l'Arctique nord-américain, ed. Peeters
Klasikaĵoj el Jean Malaurie***: Les Derniers Rois de Thulé***, *Avec les Esquimaux polaires, face à leur destin.* ***Ultima Thulé,*** Poŝeldono: Plon, collection "*Terre humaine*".

# Ankaŭ poluado kaj petrola ekspluatado sukcesos detrui Arkton

***Ne nur la klimata varmiĝo minacas la Nordan Poluson. Eŭropaj sciencistoj antaŭvidas la plej teruran evoluon.***



La klimataj ŝanĝiĝoj ne estas fikcio, eĉ se oni ankoraŭ ne tre klare komprenas ties mekanismojn. Sed la arktaj popoloj, pasivaj viktimoj de siaj industriitaj najbaroj, nun devas fronti la problemon. La glacia fandiĝo jam komenciĝis kaj riskas ne nur malaperigi iliajn ĉefajn nutrajn fontojn, kiel boacojn aŭ fokojn, sed ankaŭ povos veki la apetiton de la rusaj, usonaj kaj eŭropaj petrolaj kompanioj en ilia serĉado de novaj naftotavoloj.

**Minacataj popoloj**

Antaŭnelonga studo alarme admonas: sen respondeca sinteno de politikistoj kaj privataj ekonomiaj interesoj de la najbaraj landoj, la aktuala vivmaniero estos baldaŭ nur memoraĵo... Ili estas ĉirkaŭ 3,8 milionoj disigitaj tra la teroj ĉirkaŭ la glacia amaso de la Norda Poluso. Inter ili ĉirkaŭ unu miliono estas inuitoj, sameoj, nenetsoj, komioj aŭ membroj de la multaj sed etaj siberiaj etnoj. Dum jarmiloj "tiuj popoloj vivis en harmonio kun tero kaj maro" diras la tre serioza scienca raporto "Arkta medio: eŭropa perspektivo" aperigita fare de la Eŭropa Agentejo pri la Medio, kun la kunlaboro de la ekspertoj de la Programo de la Unuiĝintaj Nacioj por la Medio (PNUE).

Tiuj popoloj, rekonas la ekspertoj, estas pli kaj pli minacataj de "mondo ĉiam pli rapide ŝanĝiĝanta". Ilia socia reto, iliaj tradicioj, ilia vivstilo intime ligiĝas al la bestaj migradoj. Ilia nutraĵo tradicia "ne nur alportas la necesajn nutrajn elementojn, sed ĝi ankaŭ gravas por ilia bona stato kultura kaj spirita".

**Arkto vekas apetitojn**

La landoj, kiuj sin disdividas Arkton, estas ok: Usono (Alasko), Rusio kaj ankaŭ Kanado, Groenlando (dana), Finlando, Islando, Norvegio kaj Svedio. Ĉiuj, laŭ diversaj gradoj, ekspluatas la enormajn subtavolojn: oron, pezajn metalojn, kaj ĉefe gason kaj petrolon. Tiuj ekspluatadoj riskas disvastiĝi rapide pro du kaŭzoj: "Arkto, politike stabila kompare kun Mezoriento, enhavas grandan parton el la tutmondaj rezervoj de gaso kaj petrolo", substrekas la raporto, kies aŭtoroj opinias, ke la regiono povas eĉ iĝi unu el la plej grandaj fontoj de hidrokarbidoj antaŭ la fino de la jarcento.

Sed tiuj projektoj en maroj kovritaj de glacio entenas grandegajn riskojn teknikajn kaj mediajn, ili jam kontraŭstarigas la gasajn firmaojn al la ŝipkompanioj, kiuj agadas en la plej grava fiŝkapta baseno de la planedo.

**Revo al novaj ŝipvojoj**

Alia kaŭzo igas Arkton ankoraŭ pli alloga por industriistoj. Iuj scientistoj antaŭvidas, ke antaŭ la fino de la jarcento Arkto povus esti komplete liberigita de glacioj dum somero, kaj tial malfermita al novaj esploroj kaj ŝipvojoj, kiel ekzemple la mara vojo de la Nordo, kiu irus ekde *Murmansk* ĝis la Beringa markolo. Tio gajnigus tempon al rusaj petrolŝipegoj, kiuj antaŭplanas amase liveri nafton, ne nur al Usono, sed ankaŭ al Ĉinio, Japanio kaj Koreio. Tiuj ŝipaj vojaĝoj en akvoj ankoraŭ malbone konataj rapide kreskigos la nombron de akcidentoj, kaŭzante petrolajn alflusojn, plu detruante la ekosistemojn, aldonas la ekspertoj.

**Nuklea rubujo**

Sed ne nur tio: pere de maraj kaj atmosferaj fluoj alia poluado inside invadas Arkton: radioaktivado. La kaŭzo estas unue la nukleaj testoj realigitaj de la grandaj potencoj, sekvataj de nuklea retraktado en Eŭropo. Ankoraŭ estas la tombejo de submaraj ŝipoj en la golfeto de *Kola*, sen forgesi plurajn centojn da atomaj centraloj aktivaj en la regiono. Ĉernobilo infektis boacarojn sed ankaŭ homojn. Pri tio la raporto strange diskretas.

**La loĝantaro estis venenita**

La kanadaj kaj groenlandaj inuitoj estas la plej ekspoziciitaj al veneno kiel hidrargo aŭ kelkaj kemiaĵoj persistemaj kiel iuj herbicidoj. Oni povas ankaŭ citi la poliklorobifenolojn, la dioksinon. Ĉe plej multe de la arktaj virinoj la koncentriĝo de tiuj poluantoj en ilia sango estas multe pli alta ol la sanitaraj normoj internaciaj. La alta nivelo de hidrargo ĉe la infanoj kaŭzus neŭropsikologiajn disturbojn ĉiam pli nombrajn kiel: movajn disturbojn, memorperdon kaj atentomankon. Sed tiuj popoloj uzas neniun el tiuj venenoj. "La poluado liberigita en la eŭropan atmosferon povas atingi Arkton en kelkaj tagoj", indikas la ekspertoj, opiniante ke pli ol triono de la arkta poluado venas el la okcidentaj landoj.

Se kelkaj poluaĵoj, interalie la pezaj metaloj kiel hidrargo kaj kadmiumo, malaperas pro pli severaj normoj kaj pro la industria malkresko de Rusio, novaj aperas. Neĝo kaj glacio en Groenlando akumulas koncentriĝon ĉiam pli grandan de maloftaj metaloj uzataj en la kataliziloj de la veturiloj, kiel plateno, paladiumo kaj rodiumo. Eĉ se la aŭtoroj de la raporto asertas, ke la efikoj de tiuj metaloj estas malmulte konataj, kelkaj ekspertoj opinias, ke ili kaŭzas novajn tipojn de kancero registritajn interalie en Kalifornio, iu inter la unuaj regionoj postulintaj katalizilojn. *La Liberté*

# HEREROJ POSTULAS PARDONPETON KAJ ... KOMPENSOJN

**Komenco de la proprieto-problemo**
Laŭ la opinio de observantoj, la plej grava demando de la 21-a jarcento en Namibio estas jena: "Al kiu efektive apartenas nun la terenoj kiuj estis venditaj, ĉirkaŭ 1895, al la germanaj koloniistoj, malgraŭ la malpermeso de terenvendado en la tradicia juro de la hereroj?" Fakte, la registaro de Namibio planas konfiski tiujn farmbienojn kies proprietuloj ne loĝas surloke aŭ lasas siajn farmojn neeksplutaatataj. Post la anoncado de tiuj planoj en 2002, oni ofertis al la ŝtato 180 farmbienojn, el kiuj ĝi aĉetis nur 20 kaj distribuis tereno-partojn al nigraj civitanoj.
La problemo de la terenproprieto originas en la koloniisma periodo de la lando. En tiun ĉi parton de sudokcidenta Afriko enmigris ĉirkaŭ 1880 tiom da germanoj ke la imperia registaro ne povis ne deklari la regionon germana "protektejo", t. e. kolonio, en 1884. La novalvenintoj komencis "komerci" kun la indiĝenoj ofertante alkoholon kaj varojn por ĉiutaga uzado kontraŭ brutaro kaj terenoj. Tiun malhonestan vendadon de terenoj abunde praktikis ankaŭ la tribestroj de la hereroj, kvankam precize ilia tasko estis gardi la tradicion. La niatempaj hereroj tute ne volonte aŭdas la fakton ke unu el la plej diligentaj klientoj de la germanaj vendistoj-aĉetantoj estis la popola heroo *Samuel Maherero*, la supera tribestro de la hereroj de antaŭ unu jarcento.
Ĉio ĉi kaj la kroma fakto, ke la tiutempa generacio de germanoj aĉetis terenojn de la germana registaro, neniel influas la prijuĝon de la okazintaĵoj: La popolo de la hereroj estis profunde trompata, ĉu rekte far la germanoj, ĉu nerekte far siaj propraj estroj.
Sed tiu trompado estas nur unu el la grandaj krimoj faritaj de la germanaj koloniistoj respektive de la soldatoj de la germana imperio. La plej konsterna krimo estis, sendube, la genocido realigita en 1904.

**"Solvo" de la problemo**
Kiam, en 1890, estis mortinta la reĝo de la hereroj, lian




postenon heredis lia filo *Samuel Maherero* (1856 - 1923), laŭ decido de la tribestroj. Li estis klera homo kaj havis bonajn rilatojn al la germanaj aŭtoritatoj, precipe kun la guberniestro (ekde 1898) *Theodor Leutwein*. Kiam *Maherero* komprenis ke *Leutwein* planis solvi la problemon de la terenproprieto favore al la germanaj setlintoj, la reĝo interkonsiliĝis kun la tribestroj, kaj ili komune konkludis ke la germanoj okupintaj herero-landon iru al Windhuko kaj petu aliajn terenojn. Fakte, *Leutwein* volis transloki la hererojn en rezervejojn, inter kiuj la plej granda estu en *Omaheko*. la "Sablejo", nordoriente de Windhuko. Ĉi tion, tute nature, la hereroj malakceptis, kaj ili pli kaj pli koleris kontraŭ la eŭropaj invadintoj.

**Konsekvence: La hereroj ekribelis**
La 11-an de januaro 1904, en la urbeto *Okahandja*, la komandanto de la germana trupeto (26 soldatoj inkluzive volontulojn) atendis atakon far la hereroj konstatinte ke multaj el ili armis sin kaj havigis al si diversajn provizojn. Efektive, la postan tagon ekis la atako, kaj geedzoj *Diekmann* estis murditaj. La hereroj persekutis la germanojn kiuj fuĝis en la fuorton kaj en la preĝejon. Dum tiuj unuaj tagoj mortis 123 setlintoj kaj soldatoj.
Pli, malpli 200 km norde, apud la montaro *Waterberg*, la hereroj leviĝis kontraŭ la germanoj kaj murdis unue la komerciston *Gustav Sonneberg*. *Samuel Maherero*, laŭdire, estis ordoninta ke liaj batalantoj ne mortigu virinojn kaj infanojn, kio ŝajne estis ĝenerale respektata.
La hereroj estis jam ekkonintaj la gravegan rolon, kiun povus ludi la fervoja linio tra la lando, kaj ili klopodegis detrui la relojn. Tamen, tiu projekto komplete fiaskis pro manko de konvenaj helpiloj kaj pro la verva defendado de la instalaĵoj far la germanoj.
Ankoraŭ en junio 1904 la germanaj trupoj ne povis jubili pro definitiva venko, kaj el Germanio venis preskaŭ dekmil ege armitaj soldatoj. La nova guberniestro, *Lothar von Trotha*, alie ol *Treutwein*, tute eksplicite malestimis diplomatecan traktadon de la konflikto kaj dekomence pledis por militista solvo: "La negro ne subiĝas al kiu ajn kontrakto, sed nur al la kruda perforto. Tial mi opinias pli ĝuste ke tiu nacio malaperu."
En aŭgusto, la batalado kontraŭ la ribelo transformiĝis en neniigan militon, t. e. en intencan genocidon. Dekmiloj da hereroj - batalantoj, virinoj, infanoj kaj maljunuloj - kampadis tiumomente apud *Waterberg*. *Maherero* estis kunveniginta siajn homojn por diskuti pri la farendaj paŝoj: ĉu plubatali, ĉu intertrakti kun la germanoj, ĉu provi fuĝi el la lando? *Trotha* jam estis decidinta: Li volis totale elimini la hererojn kaj ne pretis kontentiĝi per duona venko. Kvarmil bone armitaj soldatoj estis kunigitaj kaj, frumatene, la 11-an de aŭgusto 1904, komencis la batalego. Mortis 26 soldatoj, 60 vundiĝis; inter la hereroj oni supozas multe pli da viktimoj.

# Namibio: Hereroj postulas pardonpeton kaj... kompenson


*Malliberigitaj hereroj kun gardisto en 1904*

La postan nokton, *Maherero* pasis kun siaj batalantoj apud akvoturego en *Hamakari*. La hereroj timis ke la germanoj komplete cirkaŭbaros ilin kaj mortigos ĉiujn. Tial la plimulto pretis fuĝi por savi sin kaj sian brutaron. Post kiam *Maherero*, komence, estis insistinta pri plubatalado, li, fine, cedis, kaj la dekmiloj da hereroj survojiĝis orienten (ĉar la aliaj direktoj estis baritaj), precize tien kie *Leutwein* estis planinta ilian ĉefrezervejon: en la "Sablejon", en *Omahekon*! *Trotha* devis agnoski ke li ne estis venkinta la hererojn, sed li ankaŭ komprenis ke li tamen atingos sian celon: Lia armeo tranĉis la vojojn kondukantajn al akvejoj ekster tiu duon-dezerto, kaj tiel la plej multaj hereroj mortis pro soifo, malsato kaj elĉerpiĝo; kelkaj atingis Beĉŭano-landon, la nunan Bocvanon.
La 2-an de oktobro, *Trotha* pendumis aron da kaptitaj hereroj kaj publikigis jenan fifaman proklamon:

---

***Mi, la granda generalo de la germanaj soldatoj, sendas tiun ĉi leteron al la popolo de la hereroj. La hereroj ne plu estas germanaj subuloj. Ili murdis kaj rabis. La popolo de la hereroj devas forlasi la landon.***

***Se la popolo ne faras tion ĉi, mi devigos ĝin kanone.***

***Inter la germanaj limoj ĉiu herero, ĉu kun pafilo, ĉu sen pafilo, estos pafmortigita. Mi ne plu akceptos inojn, ne plu infanojn, mi repelos ilin al ilia popolo aŭ ordonos pafi ilin.***

***Jen miaj paroloj al la popolo de la hereroj.***

***La granda generalo de la potenca germana imperiestro.***

*Lothar von Trotha*

---

Tiu ĉi dokumento estas ekstreme grava, car ĝi plej klare esprimas ke la intenco estis murdi la popolon de la hereroj, do, efektivigi genocidon.
Oni taksas ke antaŭ la ribelo vivis en la kolonio "Germana Sudokcidenta Afriko" proksimume 100.000 hereroj kaj ke el ili 15.000 postvivis. Niatempe probable troveblas en Namibio 60.000 hereroj.

**Nunaj hereroj kaj germanoj**

Kion pensas la germanidaj civitanoj de Namibio pri la okazintaĵoj de 1904? Ni ne estis surloke, sed nur povis ĉerpi informojn el intervjuoj reproduktitaj en du televidaj raportoj.
Unu el la demanditoj estas *Wilhelm Diekmann*, kiu estas rekte koncernata, ĉar li loĝas precize en la batalkampo apud *Waterberg*, en "*Hamakari*". En la unua intervjuo, li glate neis la demandon, ĉu la agado de la germana kolonia armeo estis genocido. Krome, li insistis pri la fakto ke la hereroj ne estis la unuaj loĝantoj de la regionoj. Jes ja, ili, kiel multaj bantuaj etnoj, invadis sudan Afrikon kaj alvenis en la hodiaŭa Namibio maljam en la 18-a jarcento. Evidente, tiu sinjoro ankoraŭ ne volas agnoski ke la argumento pri "origina" estado en iu regiono ne validas, ĉar pri la pra-pra-praloĝantoj ni nenion povas scii kaj transiroj estas naturaj. Gravas konstati kiel ŝanĝiĝis la posedo, kaj evidentas ke la antaŭuloj de *Diekmann* fikomerce kaj perforte akiris la terenojn. - En dua intervjuo, li ŝajne jam estis lerninta ion kaj prezentis sin pli prudenta aludante siajn bonajn rilatojn al multaj hereroj kaj esprimante la esperon ke ĉio restos tiel paca kiel ĝis nun. Ankoraŭ *Diekmann* ne ricevis registaran "sugeston" vendi sian farmon al la ŝtato.... - Aliaj germanidoj estas eĉ pli obstinaj manifestaciante ĉiujare en koloniismaj uniformoj tra la tombejoj de germanaj soldatoj. Tamen, feliĉe, ankaŭ ekzistas surloke aliaj blankuloj: en la universitato de Namibio, la germanida d-ro *Wolfram Hartmann* studas la militon kontraŭ la hereroj kaj emfazas ke ja temis pri genocido, ĉar la aŭtoritatoj plene konsciis ke - pro manko de akvo - miloj da hereroj estis mortontaj en *Omaheko*.

**Finfine, almenaŭ gesto de kompreno**

Jam dum multaj jaroj, la hereroj atendas, postulas oficialan pardonpeton flanke de Federacia Respubliko Germanio (FRG) pro la krimoj faritaj de la germana imperio. Ĝis julio 2004, la FRG-ambasadoro, ĉeestante la funebrotagon memore pri la batalo apud *Waterberg*, esprimis sian profundan bedaŭron pro la okazintaĵoj ... sen formuli pardonpeton. Ĉu la denuncoj prezentitaj en usona tribunalo far *Kuiama Riruako*, la nuna supera tribestro de la hereroj, kontraŭ germanaj firmaoj kaj kontraŭ FRG, finfine efikis? En aŭgusto 2004, *Heidemarie Wieczorek-Zeul*, la FRG-ministrino pri ekonomia kunlaborado kaj evoluado, partoprenis la ceremonion memore pri la kruelaĵoj de 1904 kaj nome de la registaro petis pardonon. La nuna Germanio, jes ja, jam pagadas relative ampleksan evoluhelpon al Namibio, tamen, ne eksplicite al la hereroj. Laŭdire, la hereroj volas retiri siajn akuzojn. Estas dubinde ĉu la malriĉegaj hereroj, kies geavoj perdis siajn terenojn kaj kiuj, en multegaj kazoj, vegetas en la duon-dezerto, iel profitos el iuj pagoj. Cetere, la efikoj devus okazi tre rapide, ĉar la homoj, ĝenerale ĉirkaŭ okdek jarojn aĝaj, ne plu havas multan tempon por atendi. *Uwe J. Moritz*

---

Bazaj informoj pri
**N A M I B I O**
Teritorio: 824.292 $km^2$ Loĝantoi: 1.792.000 (2,2/$km^2$)
Ĉefurbo: Windhuko (202.000 loĝantoj)
Oficiala lingvo: angla Sendependiĝo: 21. 03. 1990
La loĝantaro, kiu kreskis inter 1980 kaj 2001 ĉiujare mezume je 2,8 %, konsistis en 1991 el jenaj grupoj: 47 % ovamboj, 9 % kavangoj, 7 % hereroj, 7 % damaroj, 5 % namoj, 3,6 % "kaprivanoj", 6 % blankuloj, krome: miksrasuloj, 35.000 boŝmanoj, 30.000 germanidoj. Krom la angla estas uzataj la afrikansa kaj la germana same kiel la lingvoj de la menciitaj kaj aliaj etnoj.
62 % estas protestantoj, 20 % katolikoj, la resto naturreligianoj kaj ateistoj. - Proksimume 17,5 % el la civitanoj estas analfabetoj.
Namibio estas respubliko en la brita Komunumo, kun duĉambra parlamento kaj prezidento rekte elektata far la voĉdonrajtantoj.

RECENZO

# La afrikaneroj, biografio de iu popolo

***The Afrikaners, biography of a people***
***Hermann Giliomee***
***Kaburbo, Tafelberg Publishers, 2003, 698 paĝoj.***

Kio estas nacio? Kio estas etno? Kiel ĝi formiĝas kaj pluvivas? Tiuj du demandoj senĉese trairas la monumentan libron, kiun liveras al ni *H. Giliomee*, profesoro pri historio ĉe la universitato *Stellenbosch*, en la Kabokcidenta provinco. La afrikaneroj[1] (=afrikanoj, en la nederlanda lingvo) ne tuj ekzistis kiam en 1652 la nederlandanoj allandiĝis en la estonta Kaburbo. Ili iompostiome konstruis specifan identecon; la komenca nederlanda grupo enbrakigis multajn aliajn, precipe francajn protestantojn, kiuj fuĝis sian landon post la nuligo de la Nanta edikto en 1685, sed ankaŭ germanojn kaj aliajn eŭropanojn. Ili konstante havis malfacilajn rilatojn kun la Amsterdama administracio, la *Heeren 17*, kiu neniam intencis starti konstruon de vera kolonio en Kaburbo sed volis nur disponi simplan refreŝigan havenon por la ŝipoj kiuj kutimis vojaĝi orienten. Tiu nekompreno inter la kolonianoj kaj la VOC (Nederlanda kompanio de la orientaj Indioj) kontribuis al laŭgrada malproksimiĝo el Eŭropo kaj al konscio de iu propa destino. La afrikanera specifo, fondita sur nova lingvo, la afrikansa, nura okcidenta lingvo kiu estas ekskluzive parolata ekster Eŭropo, kaj sento de religia kalvinista supereco, plifortiĝis poste en la longaj kaj sangomakulitaj konfliktoj kontraŭ la angloj, kaj fine estis ekspluatita, tuj post la unua mondmilito, de tiuj kulturaj grupoj kaj politikaj partioj, kiuj kontribuis al la socia enradikiĝo de la *Apartheid* (=aparteco, en la afrikansa: doktrino, laŭ kiu etnoj kaj "rasoj" devas disvolviĝi aparte, ndr). La identeco de la eŭropanoj firmiĝis, kiel en ĉiu kolonia medio. Kun la lokaj etnoj, alternis fazoj de streĉa antagonismo kaj paca ekspluatado. Sed identeco, kiu celis disigi el Eŭropo kaj blankafrikigi, estas io diversa kaj unika en tiu parto de la mondo.

**Historio ideologie interpretita**

En sia "biografio de iu popolo", *Giliomee* strebas enplekti individuajn biografiojn kun la ĝenerala iro de la historio por pli klare montri kiel, laŭ li, la afrikaneroj fariĝis "koloniantoj koloniitaj". Ili estis gento, kiu klopodis defendi siajn privilegiojn de freŝaj *burghers* (civitanoj) ek de la komenco sed fariĝis nacio kiam ili devis fuĝi nordorienten sub premo de la angloj dum la granda *Trek*, kaj la tiel nomataj anglo-buraj militoj, kiuj sekvis[2]. Tiu aparteco konfirmiĝis kiam ili perdis ĉiujn aktivajn ligojn kun Eŭropo, kontraŭe al aliaj kolonioj inkluzive de la nederlandaj. La libro majstre elmontras, kiel la historio disvolviĝis kaj kiel ĝi paralele estis interpretita de historiografio, ofte tre ideologie markita. Sed la sudafrikaj identecoj ne estas simplaj kaj ilia strukturo forte diferencas de tiuj en Eŭropo. La lingvo afrikansa, longtempa mito de pureco de la afrikanera popolo, estas ankaŭ parolata de multopa grupo, tiu de la mestizoj, plejparte posteuloj de la sklavoj importitaj el Azio, sed ankaŭ el aliaj partoj de Afriko. La mestizoj alproprigis al si la lingvon, jam kiam la nederlanda estis ankoraŭ oficiala eĉ se tute ne plu parolata tie. Al ili oni ŝuldas la unuajn tekstojn en la afrikansa en la XVIIIa jarcento, el kiuj kelkaj, plej fruaj, estas skribitaj per la araba alfabeto. Efektive la mestizoj estas plejmulte islamanoj kaj iliaj avoj lernis skribi en la korano. Dum la unuaj jarcentoj en la Kabkolonio multaj debatoj okazis pri la ebleco bapti la sklavojn. Sed ĝenerale oni hezitis kristanigi ilin timante, ke ili klopodos poste liberiĝi. Sed, kion la koloniantoj kaj la predikantoj de la nederlanda reforma eklezio ne antaŭvidis, estas ke lingvo kaj komunikilo kelkfoje estas pli potencaj iloj ol religio.

**La baza mito de afrikanera nacio**

La afrikanera nacio longe estis rigardata kiel sinonimo de blanka sudafrika nacio, mito kiu fondiĝis en la XXa jarcento sur la pionira figuro de *van Riebeeck*, unua guberniestro de Kaburbo. Sed tiu ĥomo, kiu terure konfliktis kun la lokaj popoloj - la ĥoiĥoj -, neniam intencis fondi daŭran kolonion, kaj nur esperis, ke li baldaŭ estos sendita en alian pli gasteman lokon, kio okazis. Fakte, la vera fondinto de okcidentiga Sudafriko estis *Simon van der Stel*, kiu regis la kolonion inter 1679 kaj 1699. Li definitive instaliĝis en Kaburbon, serĉis novajn ekonomiajn fontojn, kiuj ne dependas de la ŝipvojaĝoj, disvolvis la urbon kaj la lokan arktekturan stilon, fondis la unuan eksterurban kolonion, kiu ankoraŭ hodiaŭ portas lian nomon (*Stellenbosch*), instigis ian kunvivadon kun la lokaj etnoj, transdonis la regon al unu el siaj filoj ktp. Sed li neniam elstaris en la *Apartheid*-a oficiala historiografio pro motivo, kiu longe restis pli malpli kaŝita: li mem fakte estis mestizo. Konsekvence la aŭtentika fondinto de blanka Sudafriko ne estis blankulo kaj tio profunde ŝanĝas la aspekton de la historio !

Fascinas en la sudafrika historio la evidenta konstanta mikso de historio kaj ideologio, kaj la neceso por ĉiuj grupoj uzi la historion favore al si mem. La *Apartheid*-a periodo senskrupule reverkis historion, kaj la oficiala historiografio de *ANC* (la nun superreganta partio, ndr) hodiaŭ refaras la samon, neglektante la rolon kaj ekziston de neblankaj nebantuaj grupoj kaj vidante en la instaliĝo de blankuloj en Sudafrikon ĉefe simplan kolonian fenomenon.

La libro de *Giliomee* unuafoje enkondukas sciencan kaj zorgan historion: la faktoj estas klare disigitaj de la hipotezo de la verkanto kaj lasas la leganton mem konstrui sian opinion. Kiuj interesiĝas pri konstruitaj lingvoj sendube interesiĝos pri konstruitaj etnoj; ambaŭ estas mikso de naturaleco kaj artefariteco, de espero kaj bezono, de povo kaj kontraŭpovo.

*Pascal Dubourg-Glatigny*

NOTOJ:

1. La vorto afrikanero estas uzata de la aŭtoro por indiki membron de la eŭropdevena etno, kiu uzas la afrikansan. En la nova PIV oni trovas nur la vorton -buro- (el la nederlanda *boer*, kamparano) por la etnano, dum afrikanso indikas la lingvon. En ambaŭ kazoj ni preferas respekti la elekton de la aŭtoro, kiu ŝajnas pli logika kaj internacia.
2. En 1814 la britoj definitive kaptis la Kaban kolonion, ĝis tiam oficiale nederlanda. Post du jardekoj da malfacilaj rilatoj kun siaj britaj mastroj multaj afrikaneroj decidis forlasi la kolonion kaj iri

nordorienten : tiu heroa epizodo, kiu komenciĝis en 1836, nomiĝas la granda *Trek* (=migrado, en la nederlanda kaj afrikansa). Ambaŭflanke de la rivero *Vaal* la afrikaneroj fondis du respublikojn: la libera Ŝtato de Oranĝo kaj Transvalo. Sed la tre ekspansiema – kaj diamantavida - brita imperio pli kaj pli agresive enmiksiĝis en la vivo de tiuj respublikoj ; post du militoj fine de la jarcento la buroj perdis sian sendependon en 1902. Tamen Sudafriko sufiĉe rapide emancipiĝis de la brita rego. Bedaŭrinde samtempe ekdisvolviĝis la *Apartheid*-a doktrino, kiu ebligis al blankuloj longe konservi la povon. Aldonendas ke bantuoj ne delonge loĝas en Sudafriko, pluraj el iliaj etnoj ja migris tien el la nordoriento dum la XIXa jarcento. En multaj lokoj la indiĝenoj estas *Khoi* kaj *San*, parencaj kaj tre apartaj etnoj, kies membroj grandparte provis asimiliĝi al la buroj kaj uzas la afrikansan (ekzemple la "Kabaj mestizoj"). (ndr)

# Aŭstralio, la lando kie mortas plej multe da lingvoj

ALAWA ALNGITH AMARAG ANDEGEREBINHA.ARABANA AREBA.ATAMPAYA AYABADHU BAAD BADIMAYA BANDJIGALI BARROW POINT BAYUNGU BIDYARA BIRI BURDUNA DARLING DAYI DHARGARI DIRARI DJANGUN DJAWI DJINGILI DJIWARLI DYAABUGAY DYABERDYABER DYANGADI DYIRBAL DYUGUN ERRE FLINDERS ISLAND GADJERAWANG GAGADU GAMBERA GANGGALIDA GIYUG GUGADJ GUGU BADHUN GUNGABULA GUNYA GURDJAR GUWAMU JARNANGO KAMILAROI KAMU KANJU KARADJERI KOKATA KUKU-MANGK KUKU-MU'INH. KUKU-UGBANH KUMBAINGGAR KUNGGARA KUNGGARI KUTHANT KUWAMA LAMU-LARAGIA LARDIL LIMILNGAN MADNGELE MAGADIGE. MANDA. MANDANDANYI MANGALA MANGERR MARA MARANUNGGU MARGANY MARGU MARIDAN MARIMANINDJI MARIYEDI MARTUYHUNIRA MAYAGUDUNA. MBARA MBARIMAN-GUDHINMA MIRIWUNG MIWA MULLUKMULLUK MULURIDYI MURUWARI NARUNGGA NGADJUNMAYA NGALAKAN NGAMINI NGARLA NGARNDJI NGAWUN NGURA NGURMBUR NHUWALA NIJADALI NIMANBUR NUGUNU NUNGALI. NYANGGA. NYAWAYGI NYULNYUL PAKANHA PINI.PINIGURA PITTA-PITTA THAYPAN TYARAITY UMBINDHAMU UMBUGARLA UMBUYGAMU URADHI URNINGANGG WADJIGINY WADJIGU WAGAYA WAKAWAKA WAMBAYA WAMIN WANGAAYBUWAN-NGIYAMBAA WANGGAMALA WANGGANGURU WARAY WARLUWARA WARRGAMAY WARUNGU WIK-EPA WIK-KEYANGAN WIK-ME'ANHA WIKNGENCHERA WILAWILA WIRADHURI WIRANGU WULNA YANDRUWANDHA YANGMAN YAWARAWARGA YIDINY YINDJILANDJI YINGGARDA YIR YORONT

Tiu ĉi listo de mortintaj aŭ preskaŭ mortintaj aŭstraliaj aborigenaj lingvoj sonas kiel listo de bestoj el alia planedo. Multaj sur tiu listo jam fariĝis vere mortintaj kaj kun ili gravega parto de nia heredaĵo malaperis. La stato de indiĝenaj lingvoj tra la mondo ankaŭ estas spegulata en Aŭstralio.

La angla ludis kaj daŭre ludas gravan rolon en la mortigo de aliaj lingvoj. Iuj eĉ nomas ĝin "mortiga lingvo" (*Killer Language*). Iuj eĉ asertis ke la mortigo de lingvoj estas ia kaŝita holokaŭsto en la hodiaŭa Australio. Ne indiĝenoj kutime ignoras tiun riĉan lingvan heredaĵon.

**Nur dek procentoj el la aborigenoj plu parolas sian lingvon**

Jen kelkaj faktoj pri la stato de aborigenaj lingvoj en Aŭstralio:

- Antaŭ la alveno de la blankuloj, 250 diversaj lingvoj kun centoj da dialektoj floris tra Aŭstralio.
- Du trionoj el ili jam pereis au preskaŭ pereis.
- Hodiaŭ proksimume 90 lingvoj ankoraŭ vivas. Inter ili oni povas taksi 17 kiel fortajn, signifante ke ili estas parolataj de ĉiuj aĝgrupoj kaj en ĉiuj sferoj de la vivo.
- La plejmulto de la denaskaj parolantoj, proksimume 30.000, loĝas en malgrandaj, ekonomie malavantaĝitaj komunumoj, ĉefe en la norda kaj centra parto de la kontinento.
- La komunumo de unu aborigena lingvo estas ege malgranda. Antaŭ la kontakto kun blankuloj ĉiu lingvo havis 4.000 - 5.000 parolantojn. Hodiaŭ nur 8 havas pli ol 1.000 parolantoj.
- Nur 10 elcentoj de la aborigena popolo parolas sian indiĝenan lingvon. 90% perdis sian lingvan heredaĵon.
- Multe da lingvoj jam malaperis sen spuroj.

**"Estas nia devo paroli en la lingvo de tiu lando"**

Tamen, tiuj ciferoj montras al ni nur ege malgrandan parton de la aborigenlingva historio. Personaj rakontoj necesas por vere akiri senton de tiu enorma perdo:

"Vi komunikas sentojn kiel vi ne povas en la angla. Vi vere povas vin esprimi precize, kaj vi tre bone povas kompreni kion oni diras al vi.

Kiam ni uzas nian lingvon en nia lando, ni sentas ke la lando aŭdis tiun lingvon ekde la komenco de la tempoj, kaj ni imagas ke ni estas je la komenco de la tempoj, kaj tio estas la sola lingvo, kiun nia lando komprenas.

Estas tre bone por la lando aŭdi tiun lingvon. Estas nia devo paroli en la lingvo de tiu lando, ĉar ĝi estas la lingvo de tiu lando.

Kiam ni eniras la landon kaj alporolas ĝin, ni ankaŭ alparolas spiritojn, la homojn kiuj forlasis nin el tiu mondo. Ni scias ke ili revenis al la lando. Ni komunikas kun ili".

*June Oscar*, ĉefo de la Kimberley Language Resource Centre

**En Aŭstralio plej multe da lingvoj mortis aŭ mortos**

Kun ĉiu mortanta lingvo mortas ankaŭ maniero pensi, senti kaj diri tion, kio estis ellaborita tra multaj generacioj.

Kiam la *Anmatyere*-popolo el la dezerto perdas sian lingvon, kiu iam scios la specialan vorton por la blanka polvo, kiu formiĝas sur iu speco de "sovaĝa pomo"?

Se la Orienta *Mirriwong* de la *Kimberley* regiono malaperas, kiu memoros "*jowaljobu*", la vorto por la temperaturo kun kiu vi sentas vin bone.

Kompreneble lingvoperdo okazas tra la tuta mondo. Tamen, laŭ UNESCO, Aŭstralio estas la lando kun la plej granda nombro da perditaj aŭ endanĝerigitaj lingvoj.

Ĉiuj aborigenaj lingvoj estas minacataj. Ne ekzistas garantioj ke eĉ la nuntempaj "sanaj" lingvoj restos tiaj dum la venontaj jardekoj.

"Ĉu vi povus labori kiel kuracisto en alia lando sen paroli la lingvon? En Aŭstralio ni preskaŭ ĉiam sendas nur angloparolantajn kuracistojn en aborigenloĝatajn lokojn.
Krom granda kvanto da aliaj problemoj, aborigenoj devas ankaŭ batali pri vortoj. Tiu manko en la komunikado estas unu el la ĉefaj kialoj perdi la kontrolon de sia vivo.
La blanka komunumo devas trakti serioze la lingvan problemon de la aborigenoj, se ni volas renversi la malsupreniran spiralon de multe da aborigenaj komunumoj tra Aŭstralio.

**Kial la aborigenaj lingvoj estas tiel gravaj?**

Por aborigenaj grupoj, la lingvo estas grava simbolo de identeco. Ĝi estas la ĉefa aspekto de memfido, kultura respekto kaj socia identeco.
Aborigenaj lingvoj estas trezoro de homa kulturo. Ĉiu lingvo estas historia dokumento pri vivstilo, socia organizado, rigardo al la mondo kaj interago kun la medio.
Aborigenaj lingvoj donas al ni gravajn naturmediajn kaj historiajn informojn. Ili povas malkaŝi la riĉecon de plantoj kaj bestoj, iliajn kuracan kaj nutran uzadojn.
Antropologoj kredas ke la plej granda konotrezoro pri tropikaj kaj sekaj medioj ekzistas en la menso de aborigenaj homoj.
La lingvisto *Dorothy Tunbridge* komencis studi la *Adnyamathanhan* lingvon, lingvo parolata en *Flinders Ranges*, ŝi finfine verkis libron pri la zoologio de la regiono, nomitan "La mamuloj de *Flinders Rangers*".
Ŝi trovis ke la indiĝenaj homoj ankoraŭ konas en siaj lingvoj nomojn de bestaj specioj malaperintaj jam antaŭ kelkaj jarcentoj, kaj kiuj neniam estis registritaj. Oni eĉ trovis la ostojn de malaperintaj bestoj post kiam oni aŭdis iliajn nomojn.

**Kiel aborigenaj lingvoj povus travivi?**

Por havi bonan ŝancon travivi endanĝerigita lingvo bezonas teritorion kaj agnoskitan politikan statuson. Tiu travivado estas forte helpata kiam la parolantoj estas iomete izolitaj en sia regiono, kiam ili havas fortan literaturan tradicion kaj kulturan fieron, same kiel judoj aŭ eŭskoj.
Al aborigenaj lingvoj mankas preskaŭ ĉio, kaj nur drasta ŝanĝo de pensmaniero povus renversi la evoluon, evitante la preskaŭ certan malaperon de unu el niaj plej gravaj landaj heredaĵoj, la lingvoj de la aborigena popolo. *El The Times* represita de *WeekEnd Australian* 31.01.04

Tradukis *Sandor Horvath*

# SIBERIA LINGVO MALKOVRITA, SED EBLE TRO MALFRUE

"MOSKVO: Usona lingvisto asertas, ke li malkovris unikan lingvon parolatan de malpliiĝanta etna minoritato en la foro de Siberio – sed ĝi troviĝas rande de malapero.
La lingvo de la *Middle Chulym*, praidoj de tataroj kiuj nomadas en la arbaroj de okcidenta Siberio, estas nun flue parolata de nur 35 homoj, laŭ *David Harrison*, asistanta profesoro pri lingvistiko en *Swathmore College* (Usono). La plej juna homo en tiu komunumo de 425 personoj estas 52-jara.
Nombre sufokitaj de rusaj koloniantoj, devigitaj al forlaso de sia nomada vivstilo dum la sovetia epoko kaj senigitaj de eduko en sia denaska lingvo, la ceteraj etnanoj transiris al la rusa.
D-ro *Harrison* kaj liaj kolegoj klopodas dokumenti la *Middle Chulym*-an kaj publikigi la unuajn librojn en tiu ĉi lingvo – unu pri gramatiko kaj alia kun porinfanaj rakontoj.
La *Middle Chulym*-a apartenas al la kreskanta nombro da lingvoj, kiuj frontas malaperon, ĉar ties parolantoj forlasas ĝin favore al unu el la malmultaj superregantaj lingvoj. Iuj universitatanoj antaŭvidas, ke se ne estos urĝa agado, la duono de la supozite en la tuta mondo 6800 lingvoj povus malaperi antaŭ la fino de la jarcento. Koncerne la *Middle Chulym*-an la procezo komenciĝis antaŭ pli ol 350 jaroj. Ĝia parolantaro estis unu el la multenombraj triboj nomadaj de Siberio, kiuj estis submetitaj de la rusoj dum la 16-a kaj 17-a jarcentoj, kiam la caroj plivastigis sian imperion orienten. La sovetia estro Jozefo Stalin kaŭzis la plej longefikajn damaĝojn: dum la 1930-aj jaroj la registaro devigis la siberiajn malplimultanojn forlasi siajn nomadajn vivmanierojn kaj aliri kolektivajn farmodomojn. Samtempe lanĉiĝis furioza kampanjo kontraŭ religioj kaj tradiciaj kulturoj. La rusa estis la lingvo de la nova ordo.
Tiam, per streko de burokrata mano, la *Middle Chulym*-a oficiale ĉesis ekzisti.
D-ro *Harrison*, kiu ekde 1996 esploras la lingvojn de Siberio, faris tiun malkovron dum surloka vojagho en julio*. »
*verŝajne julio 2003

*The Times*, represita de *Weekend Australian*, 31/01/04

Ni dankas al *Sandor Horvarth* el Aŭstralio, kiu sendis al ni fotokopion de tiu ĉi artikolo. Ni tradukis ĝin, lasante la esprimon *Middle Chulym* en angla formo.
Sur la reto oni povas jam trovi informojn pri tiu lingvo, kies parolantoj fakte nomiĝas *ös* (ĉu oosoj en E-o ?); temas pri tjurka popolo, kiu loĝas en la tajgo je kelcent kilometroj de *Tomsk*. Ŝajnas, ke D-ro *Harrison* tre entuziasmiĝis pri tiu etno kaj plu laboras pri kaj por ĝi, jam prezentinte al la oosoj la unuan libron verkitan en ilia etna lingvo.
En tuta Siberio ekzistas multaj etnoj, kies lingvo kaj tradicia vivmaniero estas aparte endanĝerigitaj. Venonta numero de ***Etnismo*** provos prezenti la situacion en tiu azia parto de Rusio, nun pli alirebla por en- kaj ekster-landanoj, sed kie etnomortigo same bone fartas sub la nuna Putina reĝimo kiel antaŭe, dum la cara kaj la sovetia periodoj. *Alain Favre*

# Ĉu "juna" etno estas mortanta?
## Lastaj garifunoj en Karibio

La ŝtato Sankta-Vincento kaj Grenadinoj, konsistanta el la ĉefinsulo (344 $km^2$) kaj dudeko da aliaj insul(et)oj (45,3 $km^2$) kaj havanta 116.000 loĝantojn (298/km2), akiris sian suverenecon la 27-an de oktobro 1979, sed plu havas la reĝinon de Grandbritio kiel ŝtatestron.

Origine loĝis en la insuloj kaj parte en la kontinenta marbordo kariboj, kiuj, venante kanue el la deltoregionoj de la riveregoj Orinoko kaj Amazono, estis "malkovrintaj" la insularon antaŭ trimil jaroj. La eŭropanoj "importis" sklavojn el okcidenta Afriko kiel malmultekostajn plantejajn laboristojn en la grandaj kolonioj. Aro da sklavoj sukcesis fuĝi el marborde grundinta ŝipo kaj trovis protekton ĉe la indiĝenaj kariboj, kun kiuj ili miksiĝis. Rezultis nova etno: la garifunoj, kiuj estas biologie nigruloj, sed lingve kaj kulture ĉefe kariboj. Tial oni nomas ilin ankaŭ nigraj kariboj. Ili ne ĉiam estis dankemaj al siaj "gastigantoj" kaj eĉ forpelis la "flavajn" karibojn el ties terenoj.

La garifunoj ankoraŭ nun fieras pri sia kuraĝo defendi sin verve kontraŭ la koloni-mastroj, sed ili rezignacie aldonas ke la invadintoj disponis pri pli efikaj armiloj. La britoj penetris en la ĉefinsulon dum la dua duono de la 18-a jarcento kaj definitive venkis la garifunojn en 1797. La novaj regantoj translokis preskaŭ ĉiujn el la proksimume kvinmil postvivantaj garifunoj al la insuloj antaŭ la kariba marbordo de la nunaj Honduro kaj Belizo. Tie la garifunoj transprenis la katolikismon de la hispanoj kaj alianciĝis kun tiuj ĉi jen kaj jen (laste en 1832) kontraŭ la britoj.

Nuntempe pluvivas, precipe en la norda parto de Sankta Vincento, iom pli ol dumil garifunoj, el kiuj nur malmultaj ankoraŭ parolas la propra-etnan lingvon. Tri ekzempletoj iom folklorecaj montru ĝin: *binafi* signifas "mateno", *megu* estas "simio", kaj *miligi* esprimas la ideon de "lakto". Ĉu ĉi-lasta, eventuale, estas pruntaĵo el la angla? Ja ekzistas vortaro garifuna / angla.






*La 71-jara Herbert Baptiste estas unu el la lastaj "nigraj indianoj" (aŭ nigraj kariboj") vivantaj en la insulo Sankta Vincento. Jen li pozas kun siaj filino kaj nepeto.*

En la aktualaj loĝregionoj de la garifunoj, la vivnivelo estas eĉ malpli alta ol en la resto de la ĉefinsulo. Tamen ne konatas malsatado kaj almozpetado. La homoj vivas de agrikulturo (precipe fruktoarboj) kaj fiŝkaptado. Multaj el la junaj garifunoj ja forlasas sian hejmregionon kaj serĉas laboron en la urboj aŭ en lokoj frekventataj de eksterlandanoj. Dum la eksportado (precipe: bananoj) enspezigas nur 124.000.000 da Orient-karibaj Dolaroj (OKD), la turismo, kun 211.371 vizitintoj en 2001, jam disponebligis 191.000.000 OKD. (Por via orientiĝo: 1 OKD egalas pli, malpli trionan eŭron.)

Nombreblas inter 60.000 kaj 70.000 garifunoj en ties novaj "hejmlandoj" Belizo, Gvatemalo, Honduro kaj Nikaragvo. Ili fiŝkaptas por sia propra bezono, sed ankaŭ merkatocele kultivas kokosojn, bananojn, maizon, maniokon kaj rizon. Garifunoj trovatas inter taglaboristoj, labormigrantoj kaj maristoj, sed ankaŭ inter komercistoj.

Tiu maljuna Herbert Baptiste de Sankta Vincento estas en letera kontakto kun anoj de sia etno ekzilita antaŭ pli ol 200 jaroj al Honduro.

*Uwe Joachim Moritz*

# Argentinaj mapuĉoj ne volas morti

*Patagonio malkovras siajn subterajn riĉaĵojn kaj fariĝas edeno por multnaciaj firmaoj. Sed la lokaj komunumoj rezistas.*

En la lasta numero de ***Etnismo*** vi povis legi pri la postuloj de la ĉiliaj mapuĉoj rehavi siajn terenojn okupatajn de blankaj farmistoj. Sed ankaŭ aliflanke de la landlimo en Argentino, vidalvide de Temuco, inter la provinco de Neuquen kaj Fajrolando, mapuĉaj terenoj estas priŝtelataj. Efektive tiu regiono, Patagonio, tradicie okupata de mapuĉaj ŝafbredantoj, produktantaj famkonatan lanon, nuntempe malkovriĝis kiel vera mineja edeno, riĉa je oro, kupro, hidrokarbido, kaj multiĝas la ekspluataj permesoj.




**La defendo de la priŝtelitaj mapuĉoj organiziĝas**

Malgraŭ konstitucia rekono, en 1994, de la kolektiva mapuĉa posedo de tiuj teroj, malgraŭ la ratifo de la konvencio 169 de IOL (Internacia Organizo de la Laboro) pri indiĝenaj rajtoj fare de Argentino en la jaro 2000, la praloĝantoj de tiu regiono estas regule forpelitaj de policistoj. En la provinco de *Rio Negro* kreiĝis asocio (*Consejo Asesor Indigena*) iniciatita de plurkultura bonvolema teamo, kiu dediĉas sin al defendo kaj regajno de la *Wallmapu,* tradicia mapuĉa teritorio.

*Laura Ramos,* svisa advokatino kaj partnero de la asocio, raportis pri ties agado la 10an de novembro en Ĝenevo:

"Nia unua aktivado estas defendi la bredistojn minacatajn, aŭ jam neleĝe forpelitajn, ofte perforte, el siaj teroj. Sed apud tiu urĝa agado ni provas influi la ŝtaton por ke ĝi rekonu la posedrajtojn de la mapuĉaj komunumoj sur teroj tradicie okupataj de ili. La problemo estas, ke la ĝisnunaj rekonoj leĝe baziĝas sur privata posedrajto, kiu estas fremda al la tradicio de la mapuĉoj.

Ili posedas neniun personan posedrajtigilon. La lukto estas do politika kaj ni provas reliefigi la utilon socian aŭ naturmedian, ke la mapuĉoj plu mastrumu siajn terojn. Ni postulas, ke la mapuĉoj estu sisteme konsultitaj pri ĉiuj projektoj koncerne la disvolviĝon de tiu regiono laŭ la konvencio de IOL.

Alia problemo estas difini kiu vere apartenas al la mapuĉa komunumo. Pri tio la leĝo antaŭvidas, ke la kriterio estus memdifino: apartenas al la komunumo tiu, kiu sentas tiun apartenon. Sed la blankuloj forte influis ilian lasttempan historion, trudante ekzemple al ili forlason de nomada vivo. Kaj nun tiuj blankuloj postulas, ke por esti aŭtentaj mapuĉoj ili estu nomadaj. Sed, kiam oni volas diskriminacii ilin, neniu dubo ekzistas pri ilia etna aparteno!

La ĉefa danĝero por la mapuĉoj nun estas mineja ekspluatado ĉar ili dependas ekonomie, fizike, politike, kulture, spirite de sia tero. La multiĝo de la minejoj katastrofe agas sur la medio. Eĉ la teroj ne priŝtelitaj nun iĝas maltaŭgaj al pluvivado de la komunumo. Estas ekstremaj kazoj: ekzemple en la provinco de *Neuquen* la ĉefa nafta kaj gasa tavolo en *La Loma de la Lata* apartenas al la multnacia hispansideja firmao *Repsol.* Oni malkovris pezajn metalojn en la sango de la lokanoj. Akvo ne nur maltaŭgas al trinkado sed ankaŭ al mem-lavado! Bestoj naskiĝas misformitaj... Kaj *Repsol* nur proponas financan kompenson.

Pozitiva punkto tamen estas la nuna koincido inter la valoroj de la indiĝenoj kaj tiu de la civila socio, kiu ankaŭ celas respekton al la naturo kaj al komuna vivo. Ankaŭ la civila socio kontraŭstaras la instaligon de minejoj, ĉefe en la medioj de alimondistoj. Por la mapuĉoj *Nestor Kirchner* ne estas bona prezidento, ĉar ekde lia prezidado nenio ŝanĝiĝis. Li delegas la mapuĉan problemon al homoj kiel la prezidanto de la Instituto pri indiĝenaj aferoj, *Jorge Oscar Rodriguez*, kiu malestimas la mapuĉojn kaj eĉ ne konas la diferencojn inter diversaj minoritataj grupoj..."

*el Le Courrier.*

**La argentinaj mapuĉoj kaj *Benetton***

*Luciano Benetton*, la fama treviza entreprenisto, posedas 900.000 hektarojn en Argentino. Li proponis donaci 2500 al la mapuĉoj. Tiuj lastaj rifuzis: "Ni volas justecon, ne almozon". La literatura nobelpremiito *Adolfo Pérez Esquivel*, engaĝiĝinta por la defendo de la mapuĉaj teroj, komentas: "La vera akordo kun la popoloj de Patagonio estus la efektiva redono de la teroj, ne donaco". "Necesas kompreni, ke ni ne parolas pri filantropio. Nia celo estas renversi la situacion de perforto de niaj rajtoj kiel aŭtoktona popolo" konfirmis *Mauru Millàn*, de la organizacio mapuĉa-tehuelĉa "11a de oktobro".

La 11an de novembro mapuĉa delegacio kun sia advokato *Gustavo Macayo* renkontis en Romo italajn entreprenistojn, inter ili *Benetton*, kaj argentinajn oficialulojn. Ili intencis klarigi la konsekvencojn de amasaj aĉetadoj de teroj en suda Argentino kaj peti ilian redonon. Pluraj nobelpremiitoj, kunvenante en Italio samtempe, akompanis la delegacion. *el La Liberté*

# Kiel kataluno fariĝas instruisto de la romanĉa[1] en liceo de Malalta Engadino[2]

*Mi ekkonis Sinjoron Guiu Sobiela-Caanitz dum prezento de la vortaro francprovenca-franca en Laŭzano. Kiel neparolanto de tiu lingvo, li estis inter la unuaj, kiuj entuziasmiĝis pri la vortaro kaj li helpis nin diskonigi tiun verkon. Mi ankaŭ malkovris, ke Sinjoro Sobiela estas leganto de* ***Etnismo****. Nia gasto estas nun tradukisto, li ankaŭ verkas artikolojn por la "****Quotidiana****", romanĉa ĵurnalo. Li vivas kun sia edzino en unu el la plej belaj vilaĝoj* de *Malalta Engadino, Ardez. Tiu intervjuo estas konversacio, spegulo pri vivo de defendanto de minoritatoj kaj kultura diverseco. La rigardo de Sinjoro Sobiela pri Svislando estas aparte interesa, ĉar enmigrinto foje havas pli panoraman vidon pri la diversaj enlandaj kulturoj, ol denaska sviso ofte iom enfermita en sia propra kulturo.*

**GS**: *Sinjoro Sobiela.* ***Etn: Etnismo****.*



*Ornamitaj fenestroj ĉe domo de la vilaĝo Ardez*

***Etn*****: Sinjoro Sobiela, vi estas latinidisto, vi vivas en la svisa kantono Grizono. Interesas la legantojn de** ***Etnismo*** **kiel vi, nord-kataluno, fariĝis instruisto de la romanĉa lingvo.**

**GS**: Mi efektive originas el Norda Katalunio, tio estas el Rusiljono, franca departemento de Orientaj Pireneoj, kies novlatina lingvo, ekde ĉiam, estas la kataluna. Sed mi estis edukita en la pariza regiono, kie miaj gepatroj instruis, kaj tio kreis ian dualismon inter la franca lingvo, kiun ni parolis en nia loĝloko, kaj la kataluna lingvo retrovata je ĉiu reiro en la Pireneojn, mia devena patrujo. Tio jam akrigis mian senton pri lingvoj kaj evidentis, ke en la franca sistemo la kataluna estis rigardata kiel dialekto sen nenia digno, dum la franca lingvo estis alte konsiderata. Mi alvenis Svislanden en 1959, je la aĝo de militservo, kaj disvolviĝis tiam la kolonia alĝeria milito pri kiu mi neniam konsentis. Mi ĉiam staris kontraŭ opreso de popolo fare de alia kaj koncerne Alĝerion la kazo montriĝis senduba, la alĝerianoj ne estis francoj sed koloniitoj. Mi do venis en Svislandon antaŭ ol esti rekrutigita, kaj tial ne dezertis. Mi nur povis esti konsiderata kiel militrifuzanto, kiam la rekrutordono min atingis en Svislando. Jam en mia infaneco, tuj post la milito, kiam la kontaktoj kun eksterlando rekreiĝis, mi konis la ekziston de la romanĉa lingvo, kaj logis min loknomoj kiel *Scuol*, *Tarasp* kaj *Vulpera* sur la geografiaj mapoj, kiujn mi admiris. Tiuj nomoj min fascinis pro siaj profundaj parencecoj kun la kataluna. Alveninte Svislanden mi unue instaliĝis en Zuriko. Sed tre rapide mia intereso direktiĝis al Grizono, al ties historio, inter alie tra la klasika verko pri grizona historio de *Friedrich Pieth*[3]. Tuj kiam mi povis, mi proksimiĝis al Grizono por instrui en lernejo de *Bad Ragatz*, en la sankt-gala kantono[4]. Tiam mi eklernis la romanĉan kun instruisto en Koiro.

Mia rapida ekregado de la romanĉa instigis min denove studi. Miajn universitatajn studojn mi interrompis en Parizo por veni Svislanden. En aŭtuno 1962 mi konsultis la profesoron *Reto Bezzola*[5], granda fakulo pri lingvistiko kaj romanĉa literaturo. Li verkis famajn librojn pri mezepoka franca literaturo. Li kuraĝigis min en mia iniciativo. Mi reiris zuriken en la universitato, kaj samtempe profesie laboris kaj studis. Estis sufiĉe longe.

***Etn*****: Vi instruis, ĉu?**

**GS**: Jes, la francan lingvon en komercaj lermejoj. Mi ankaŭ laboris en itallingva biblioteko. Tiam mi edziĝis. Mia edzino, germanino, kiu bone konas la latinidajn lingvojn, kvankam ŝia ĉefa fako estas muzikologio, kuraĝigis min plu studi. Nun ŝi plu helpas min en miaj verkaj kaj tradukaj aktivecoj. Jam tiam mi okupiĝis pri minoritatoj kaj verkis mian doktoriĝan tezon pri la piemonta lingvo. Tiun tezon mi prezentis en Aŭstrio, en Salzburgo, kie mi trovis interesatan profesoron.



*Gesinjoroj Sobiela en sia domo en Ardez*

***Etn*****: Notindas, ke kiel latinlingvano vi studis latinidajn lingvojn en germanlingvaj universitatoj.**

**GS**: Jes, la germana lingvo multon alportis al mi. Efektive latinida lingvistiko estas grandparte germana

fako. Jam la unuaj lingvistoj, kiuj okupiĝis pri la latinidaj lingvoj estis germanoj aŭ alemanoj: *Diez*, germano, kiu verkis la unuan etimologian vortaron pri latinidaj lingvoj, *Meyer-Lübke*, alemano el Zuriko, estis profesoro en Aŭstrio kaj verkis alian etimologian vortaron pri latinidaj lingvoj. En Svislando *Walther von Wartburg*, el la soloturna kantono, verkis vortaron entenante ĉiujn okcitanajn dialektojn, kaj ankaŭ *Jakob Jud* kaj *Heinrich Lausberg*. Ĉiuj estis germanligvanoj. Post ili estis italoj, kiel *Carlo Tagliavini*, ankaŭ francoj studis latinidajn lingvojn, sed la ĉefaj vere estas germanligvanoj, kaj sen regi la germanan lingvon mi ne povintus fari tiajn studojn.

***Etn*: Nun vi loĝas ekde pluraj jaroj en Grizono.**

**GS**: Jes, mi revenis en la grizonan kantonon en 1986 por ekinstrui en liceo de Malalta Engadino, inter alie la romanĉan lingvon. Tiu periodo estis por mi fekunda ĉar mi starigis la romanĉan instruadon kaj ankaŭ la hispanlingvan, je la nivelo de Federala Matureco. Antaŭ tio la romanĉa lingvo ne estis akceptita kiel ekzamenfako de la matureca diplomo. Mi enkondukis la novajn direktivojn en la privata liceo, kie mi instruis.

***Etn*: En artikolo verkita de vi en la jarlibro de la Nova Helveta Societo[6], vi ŝajnas diri, ke la grizona kantono ne sufiĉe subtenas la instruadon de la romanĉa lingvo je abiturienta nivelo.**

**GS**: Jes, efektive la grizona kantono, sola trilingva kantono de Svislando[7], ne sufiĉe subtenas la antaŭeniron de la dulingva matureco. Ĉar nun ekzistas tiu ebleco pri dulingva abiturientiĝo[8]. Necesus kuraĝigi tiun novaĵon ĉar se aliĝas tro malmulte da kandidatoj, la lernantaro malmultas kaj la profesora salajro por tre eta grupo da lernantoj kreas financan problemon kaj postulas ŝtatan subtenon de la kantono. Sed la kantono faras tro malmulte. Se ĝi investus pli, la Konfederacio ĝin subtenus. Ekzistas federala konstitucia artikolo, kiu mencias subtenon al la romanĉa kaj itala lingvoj, sed kondiĉe ke la kantono faru la unuan paŝon.

***Etn*: Mi ankaŭ legis en artikolo de Sinjoro Jean-Jacques Furer, verkinto de la vortaro sursilvana-franca[9], ke la romanĉlingvaj gepatroj preferas, je la duagrada instrunivelo, ke iliaj gefiloj studu germanlingve eĉ anglalingve ol romanĉlingve.**

**GS**: Mi ne pensas, ke oni povas tiom ĝeneraligi. Evidente ekzistas grizonaj gepatroj opiniante, ke la romanĉa utilas al nenio. Sed ekzistas profesiaj eblecoj por tiuj, kiuj studis romanĉe. Nun ekzemple mankas romanĉlingvaj instruistoj. Kun la enkonduko de la Altaj Pedagogiaj Lernejoj, alireblaj per iu ajn abiturienta tipo, tro da studentoj alvenas kun nur germanlingva matureco, kaj tial ne kapablas instrui la romanĉan lingvon. Ili ricevas rapidan kompensigan kurson, kiu tamen ne atingas la nivelon de romanĉlingva matureco (dulingva).

***Etn*: Nu, laŭ vi, la baza problemo ne estas manko de kandidatoj al la dulingva matureco (kun la romanĉa), sed la ne sufiĉa subteno de la kantono al tiu matureco.**

**GS**: Jes, ĉar se lernanto deziranta studi dulingve (kun la romanĉa), kaj, pro manko da financaj subtenoj, ne trovas dulingvan klason, li estos devigata studi nur germanlingve, kaj sekve li ne havos la bazajn konojn pri la romanĉa lingvo kaj literaturo. Ni ne forgesu, ke, je la abiturientiĝa nivelo, temas ne nur pri lingvo kaj literaturo, sed pri tuta fakaro instruita en tiu lingvo.

***Etn*: Sinjoro Sobiela, vi nun kunlaboras kun la *Quotidiana*[10], ĉu vi povus diri kelkajn vortojn pri ĝi?**

**GS**: Temas pri ĉiutaga gazeto en la romanĉa lingvo, nun sesjaraĝa. Ĝi anstataŭis etajn duonsemajnajn gazetojn, kiuj aperis en la diversaj valoj. Vi scias, ke la romanĉa lingvo estas tradicie erigita kaŭze de sia disigita historio. Ĉiu valo funkciis kiel eta respubliko. Ekzistas pluraj literaturaj romanĉaj lingvoj, lingvoj uzataj verke kaj oficiale. La ***Quotidiana*** proponas artikolojn en la diversaj variaĵoj de la lingvo, sed ankaŭ en *Rumantsch Grischun* (RG), tiu sintezita lingvo, kreita de zurikano, *Henri Schmidt*, por ĝenerala komunikado. Mi mem verkas ĉefe en RG ĉar mi traktas ĝeneralajn temojn. Se mi skribas, ekzemple, pri elektoj primaraj en Usono, tio evidente interesas ne nur loĝantojn de unu valo, sed ĉiujn. Kiam mi traktas lokan temon, mi uzas la koncernatan lingvan variaĵon.




*Lingva mapo el etnismo no 71*

_______ ŝtata aŭ kantona limo

_. _._._. limo inter lingvoj

. . . . . . . limo inter dialektoj de la romanĉa

g. germana.

***Etn*: Certe romanĉparolanto kapablas legi alies dialektojn.**

**GS**: Ne ĉiam, ĝuste. La dialektoj havas iajn apartaĵojn. La RG estas komprenata naŭdekprocente de ĉiuj, la dekprocentaĵo plua estas studenda, same kiel por ĉiu el ni, kiu legas tekston altnivelan en sia gepatra lingvo. Tiu RG ekzistas nur de 20 jaroj, ĝi havas estonton, sed la homoj devas kutimiĝi.

***Etn*: Ĉu tiu romanĉa ĵurnalo estas vaste legata de la romanĉparolantoj?**

**GS**: Jes, certe. Sed ekzistas, inter romanĉoj, ekstrema regionismo, kiu instigas la homojn interesiĝi nur pri kio okazas en la propra valo. Kaj pri kio koncernas la reston de la mondo, ili preferas legi en germanlingvaj ĵurnaloj, anstataŭ interesiĝi pri tiu gazeto, kvankam profesie realigata. La abonantoj nombras je 5.000.- ĝis 6.000.-, ili do ne multas sed la ĵurnalo pluvivas.

***Etn*: Ĉu german- kaj itallingvanoj ankaŭ abonas ĝin?**

**GS**: Jes, mi konas germanparolantojn, kiuj abonas la gazeton. En Svislando abonantoj renkontiĝas ĝis Ĝenevo. Ekster Svislando abonas tiuj, kiuj interesiĝas pri la romanĉa lingvo pro lingvistika kialo, universitatanoj ekzemple. Aldone mi konas rumaninon, kiu faris tradukaĵojn el la romanĉa, ŝi abonas la ***Quotidiana***-n.

*Etn*: **Ĉu la voĉdonado, kiu donis al la romanĉa statuson de oficiala lingvo[11], vere helpis la lingvon?**
**GS**: Jes, ĝi helpis ĉar la romanĉa lingvo estas nun parte oficiala por la Konfederacio. Kaj kiel ni menciis parolante pri la licea instruado, la konstitucia bazo nun ekzistas por ke la Konfederacio helpu la grizonan kantonon en ĝia subteno de la romanĉa, sed la kantono devas fari la unuan paŝon. La artikolo 70, kiu en la antaŭa konstitucio estis la artikolo 116, estis reverkita. Mi mem partoprenis la kampanjon por ties renovigo. Tie estis skribitaj la ĉefaj dispozicioj favore al la romanĉa, kaj ekde tiam oni atendas la ellaboron de iu leĝo[12] pri lingvoj por konkretigi la konstitucian artikolon. Sed, kiel ĉiam, ekzistas kontraŭloj. Grandparte temas pri Demokrata Centra Unuiĝo (DCU)[13], kiu opinias, ke tia leĝo ne utilas. La aliaj partioj ĝin favoras, ĉefe la Kristanaj Demokratoj kaj la Socialistoj.
*Etn*: **Notindas, ke DCU, kiu ŝajnigas defendon de svisaj valoroj, rifuzas leĝon por defendi endanĝerigitan svisan lingvon, kiel la romanĉan.**
**GS**: Ne temas nur pri la romanĉa, sed ankaŭ pri la itala. Kvankam tiu lasta ne troviĝas en same drama situacio, kiel la romanĉa, ĝi estas ofte forgesita je la profito de la germana kaj de la franca.
*Etn*: **Nu, ĉu DCU prifajfas lingvan politikon? Ĉu ĝin ne ĝenus ke la germana (aŭ eble eĉ la angla) progresu malaperigante la minoritatajn lingvojn de Svislando?**
**GS**: DCU pensas, ke oni devas libere lasi evolui la naturajn fortojn. Kompreneble ili diros, kiel ĉiuj, ke plurlingveco estas riĉeco por Svislando, sed kostas nenion diri tion.
*Etn*: **Sinjoro Sobiela, vi estas modela sviso: vi konas ĉiujn lingvojn de la lando, vi nun interesiĝas pri la francprovenca[14] (ankaŭ svisa lingvo, kvankam ne rekonata), vi kunlaboras kun La Nova Helveta Societo. Kion vi opinias pri tiu svisa plurkulturismo?**
**GS**: Mi opinias, ke plurkulturismo estas riĉeco, kiu donas ian intelektan lertecon. Jen ekzemplo inter aliaj: Kiam itala firmao petas proponon aŭ projekton en Germanio, oni respondas ĝenerale anglalingve, sed al la sama peto en Zuriko, oni respondos itale. Kial? Ĉar estas pli nature al zurikano koni la italan, aŭ trovi kunlaboranton parolantan la italan, ol al germano. Mi konas la kazon de engadinano frekventinta elementan kaj mezan lernejon dulingvan, kiel ĉiuj loĝantoj de la regiono. Poste li facile lernis aliajn lingvojn. Li povis studi kastillingve kaj anglalingve en Barcelono, kie troviĝas instituto monde fama pri mastrumado de entreprenoj. Li ankaŭ lernis la katalunan, kiu facilas al romanĉlingvano parolanta la francan kaj la italan. Post la fino de siaj studoj, li tuj estis sendita de svisa firmao al Portugalio, kie li rapide lernis la portugalan. Ĉio tio ĉar, kiel infano, li tuj estis konfrontita al la romanĉa kaj al la germana.
*Etn*: **Certe la plurlingvaj kantonoj plej multe kontribuas al svisa plurlingvismo.**
**GS**: Certe, same en Tiĉino oni ne demandas, ĉu lerni la germanan aŭ la francan. Oni lernas la germanan, la francan kaj la anglan, kiu progresas tie same kiel aliloke. Vi scias, ke Tiĉino kunlaboras por fiksi la objektivojn de la romanda lernejo[15], ĉar Tiĉinanoj volas asociiĝi al romandaj kunordigaj iniciativoj. Ili sentas sin pli proksimaj al la romandoj ol al la alemanoj.
*Etn*: **Dum elektoj je la Federala Konsilantaro[16], oni decidas, ke devas esti ia nombro da reprezentantoj por latina Svislando, kiu entenas romanĉlingvan, itallingvan kaj romandan Svislandon, kiel se romanda konsilanto povus vere reprezenti tiĉinanojn, dum romandoj ne estas ĉiam tre solidaraj kun tiĉinanoj, kaj sintenas ofte al itallingvaj svisoj kiel majoritato al minoritato.**
**GS**: Mi komplete konsentas kun vi. Tiu situacio estas tre kritikata en Tiĉino. Kiam *Micheline Calmy-Rey,* federala konsilantino pri eksterlandaj aferoj (kiun mi alte estimas, kaj kiu pruvis sian kompetenton) estis elektita, troviĝis alia kompetenta kandidatino, la tiĉina *Patrizia Pesenti*. Ŝi estis praktike bojkotita de la romandoj. Kaj *Patrizia Pesenti*, kiu bone konas la francan kaj la germanan, ĉar ŝi abiturientiĝis en Alemanio, tre bone povus preni sidlokon de federala konsilantino por reprezenti Tiĉinon.
*Etn*: **Vi kunlaboris, Sinjoro Sobiela, kun du etnistaj revuoj: "*Musicalbrandé*" (Torino), hodiaŭ malaperinta, Kaj "*Europa Ethnica*" (Vieno). Kion vi opinias pri tiu kunlaborado?**
**GS**: Jes, mi kunlaboris kun du revuoj okupiĝantaj pri etnaj problemoj en Eŭropo. Tiu kunlaboro plej konsciigas al membroj de ĉiuj minoritataj etnoj, ke ili ne estas izolitaj kazoj. Tro ofte ni tendencas pensi: ni romanĉoj, ni slovenoj el Karintio, ni bretonoj, estas apartaj kazoj. Sed la bazaj problemoj estas samaj pro la fakto, ke minoritatoj devas fronti lingvon en avantaĝa pozicio, kion mi nomas lukto de la terpoto kontraŭ la ferpoto, aŭ oni parolas pri perfekta lingva libereco sen proponi leĝon por protekti la minoritatojn, kiel faras DCU en Svislando. Sed se temas pri la libereco de la vulpo en la kokinejo, kion faros la vulpo? Li manĝos la kokinojn. Jen kial en Svislando mi estas por tutfederala leĝo pri lingvoj.
*Etn*: **La vortoj *etna, etno, etnismo...* ofte timigas, ĉefe en la franclinvaj landoj, kaj resendas al ia koncepto pri naciismo, kiu kaŭzis teruraĵojn. Ĉu ni ne devus kontraŭstari la ŝovinistan koncepton pri naciismo, kiu igas onin senti sin super alinacianoj, al pli legitima naciismo, kiu estas nur serĉo de propra identeco respektante la aliajn?**
**GS**: Jes, efektive oni scias, ke ĝenerale membroj de etaj etnaj grupoj estas ofte la plej eŭropemaj, ĉar ili scias, ke pli oportunas por ili havi rektajn rilatojn kun aliaj eŭropanoj, sen pasi tra la granda nacio reganta en ilia ŝtato. En Skotlando, ekzemple, kiu ne estas verdire minoritato, sed nacio kun aparta statuso, la partio plej eŭropema estas la Nacia Skota Partio, kiu do ne agas cele al naciema ŝovinismo, sed kun la celo ekzistigi Skotlandon kiel nacion. Samas por la katalunaj naciistoj, kiuj laboras por pli bona ankrado en la eŭropaj institucioj. Certe etnismo povas ŝovinismi, krime agi, sed tio fakte estas la nego de tiu tuteŭropa spirito, kosmopolita, en la plej bona signifo.
*Etn*: **Antaŭ ol konkludi mi ŝatus fari lastan demandon. Kiel vi scias, via intervjuo aperos en revuo verkita nur en esperanto. Vi ja konas plurajn esperantistojn, kaj vi iom konas la lingvon, tial, kvankam *Etnismo* ne estas movada revuo**

**koncerne esperanton, sed etnista revuo uzante la internacian lingvon, mi tamen ŝatus, ke vi diru kion vi opinias pri la lingvo kaj pri la rolo, kiun ĝi povas ludi en multkulturismo.**

**GS**: Unue mi volas omaĝi iun el miaj malnovaj italaj amikoj, *Andreo Chitti-Battelli*, nun 84jaraĝa. Li estas federalisto ekde la unuaj tempoj. Li jam estis tia dum faŝismo sub *Mussolini*, li laboris kun famaj eŭropanoj, kiel ekzemple *Spinelli*. *Andreo Chitti-Battelli* verkis plurajn librojn pri esperanto, kiel tuteŭropa lingvo, apogante sin sur studoj de iu germana universitato, tiu de *Osnabrück* en Malalta Saksio. Tiu universitato demonstris, ke valorus instrui esperanton kiel unuan lingvon al ĉiuj infanoj, tiel faciligante la lernadon de aliaj fremdaj lingvoj poste. Esperanto, kiel unua lingvo, estus pli utila ol la angla, kiu ne estas lingvo tiom facila kiom oni kredas. Malfeliĉe tiaj studoj ne estas sufiĉe konataj. Mi mem ne parolas esperanton, mi bedaŭras. Se esperanto posedus pli vastan kampon por ĝin uzi, certe mi ĝin lernus.

Intervjuis *Nicole Margot*



*Vido de Ardez*

**Notoj:**

[1]La romanĉa estas la kvara oficiala lingvo en Svislando, ĝi apartenas al la grupo de la raetiaj (=ret[PIV]iaj) lingvoj, kadre de la latinidaj.

El la numero 71 de ***Etnismo:*** "La romanĉa branĉo de la raetia lingvo konsistas el kvin ĉefaj dialektoj de tre diversa graveco el la vidpunkto de la nombro de parolantoj: la surselva, sutselva, surmirana, putera kaj valadera. En la ĉefurbo de la kantono Grizono, *Cuera / Coira / Chur*, kaj en aliaj regionoj minace superregas la germana lingvo: ankaŭ la itala plurparte forprenis la romanĉan". Estas interese aldoni, ke kiam oni parolas pri germana lingvo, temas pri la alemana (la skribata kaj oficiala tamen estas la altgermana). Germanaj lingvaj insuloj, meze de surselva, sutselva kaj surmirana regionoj, estas fakte valzerlingvaj. Efektive valzeroj enmigris mezepoke grizonen el valeza kantono (same kiel ili iris al Tiĉino, Piemonto kaj Aostvalo). Kaj alia germana lingva insulo norde de la valadera regiono estas influita de la tirola dialekto.

[2]Engadino estas sud-orienta regiono de la svisa kantono Grizono, kies turisma ĉefurbo estas Sankta-Maŭrico. Ĝi fakte estas la valo de l'*En*. La lingva variaĵo parolata en Engadino estas la ladina, mem dividita inter la *puter* parolata en Alta Engadino kaj la *vallader* en Malalta Engadino.

[3]*Bündnergeschichte*, Koiro 1945.

[4]La sankt-gala kantono norde najbaras la grizonan.

[5]*Reto Raduolf Bezzola* (1898-1893), naskita kaj mortinta en Alta Engadino, produktis du monumentajn verkojn: "La originoj kaj la formiĝo de la korteza literaturo en Okcidento" (franclingve) kaj "*La litteratura dals Rumantschs e Ladins*" (romanĉlingve). Krome li ellaboris kun *R. O. Tönjachen* grandan vortaron germanan-romanĉan (1944), hodiaŭ eksvalidan, sed kiu signis gravan etapon en la normigo de la romanĉa lingvo.

[6]La Nova Helveta Societo estis fondita en 1914 por plifortigi la komunikadon inter la diversaj kulturoj de Svislando.

[7]La oficialaj lingvoj de la grizona kantono estas la germana, la itala kaj la romanĉa.

[8]Ek de kelkaj jaroj ekzistas unu abiturienta ekzameno por tuta Svislando, kvankam la instruaj departementoj estas kantonaj. Tiu nova diplomo ebligas dulingvan instruadon kaj ekzamenigon.

[9]Vidu la numeron 71 de ***Etnismo***: "**Nova vortaro pri la romanĉa**".

[10]Vidu la numeron 61 de ***Etnismo:*** "***Cuira***" en "*Koncize el...*" "**La 6an de januaro 1997 enmerkatiĝis la unua numero de la Romanĉa taggazeto "*La Quotidiana*"...**"

[11]El ***Etnismo*** numero 59: "La 10an de marto 1996 okazis tutsvisa referendumo por ŝanĝi artikolon 116 de la svisa konstitucio. La Nacia Asembleo decidis per grandega plimulto submeti al popola voĉdono tekston, kiu:
- ripetas ke la kvar naciaj lingvoj estas la germana, la franca, la itala kaj la romanĉa;
- fiksas ke la Federacio kaj la kantonoj kuraĝigas la interkompreniĝon kaj interŝanĝon de la lingvaj komunumoj;
- konstatas ke la Federacio subtenas paŝojn de la kantonoj Grizono kaj Tiĉino por konservi kaj antaŭenigi la romanĉan kaj la italan lingvojn".

Tiu artikolo estis akceptita de 76% da voĉdonantoj.

[12] La 28an de aprilo 2004 la Federala Konsilantaro rifuzis diskuton pri leĝprojekto, kiu devus esti la konkretigo de la artikolo 70 ( vidu supran noton) de la konstitucio. Tiu leĝprojekto pri lingva politiko kaj subteno de la minoritataj linvoj estis zorge ellaborita dum multaj jaroj, kun konsultoj de ĉiu kantono, kaj ĝuis ŝajne pri larĝa konsento. La argumento kontraŭ la diskuto de tiu leĝo estas, ke svisa plurlingveco ne bezonas esti protektata de leĝo. Pluraj parlamentanoj forte malkontentas pro tiu rifuzo kaj intervenis per mocioj kun la intenco devigi la diskuton. La debato plu daŭras en diversaj koncernataj medioj.

[13]Demokrata Centra Uniĝo estas svisa politika partio. Kiel ĝia nomo indikas, ĝi estis centre-dekstrema partio, kiu inter alie defendis la kamparanojn. Ekde kelkaj jaroj, sub la influo de *Christoph Blocher*, granda parto de tiu partio fariĝis samtempe populisma, neoliberala, kaj kontraŭeksterlandana. Ĝi ofte provokas, kaj foje pli malpli subtere flirtas kun ekstremdesktraj ideologioj. Ĝi unue akiris grandan sukceson, luktante kontraŭ eniro de Svislando en Eŭropan Union (fakte temis tiam pri Eŭropa Ekonomia Areo). Ĝi plu luktas kontraŭ la aktualaj duflankaj kontraktoj inter Svislando kaj Eŭropa Unio, ekzemple nun, kontraŭ la aliĝo de Svislando al la traktato *Schengen*. Ĝia gvidanto, *Christoph Blocher*, nun estas federala konsilanto.

[14]Vidu la numerojn 65 kaj 74 de ***Etnismo***. La francprovenca estas lingvo forte dialektigita, situante geografie inter la ojl-lingvoj kaj la okcitana. Ĝi estis, (kaj kelkloke plu estas) parolata en tuta romanda Svislando krom ĵurasa kantono, en orienta Francio (Savojo, Liono ktp), en Italio (Aostvalo kaj kelkaj nordokcidentaj valoj de Piemonto).

[15]En Svislando la 23 kantonoj (pli ĝuste 26, se oni enkalkulas la duonkantonojn, fakte memstarajn) havas grandegan aŭtonomion, kaj ĉiu posedas propran instrudepartementon. Ne ekzistas tutsvisa instruestro, tial Romandio, ekde pluraj jaroj, celas unuecigi siajn objektivojn por formi tutromandan lernejon. Tiĉino asociiĝis al tiu iniciativo.

[16]La Federala Konsilantaro estas la ekzkutivo de Svislando. En ĝi estas 7 konsilantoj (ministroj), elektitaj de la parlamento (duĉambra: la **Ŝtata Konsilantaro** reprezentas la kantonojn, kaj la **Federala**

*(Fino de la notoj: sekva paĝo)*

**Asembleo** la unuopajn elektantojn el ĉiu kantono). Laŭvice unu federala konsilanto fariĝas prezidento de la Konfederacio por unu jaro. Oni pli malpli provas ekvilibrigi la elektitojn inter la devenaj regionoj kaj inter la politikaj partioj. (ndr)

# Romanĉlingva poemaro



DSCHEMBER SCHAMBLIN
Cembro ĝemela
dulingva poemaro (romanĉe-france)
de
*Denise Mützenberg*
Eld. *Samizdat*, Ĝenevo 1992

"*Denise Mützenberg* naskiĝis en 1942 en *Yverdon* (vaŭda kantono), inter alnoj kaj poploj. Ŝi instruis en Ĵuraso: tempo de poemoj kaj nigraj abioj."

Ŝi estas verkistino kaj aperigis poemarojn kaj novelarojn franclingvajn. Ŝia edzo enamiĝis al la romanĉa lingv. Kune ili plurfoje restadis en la grizona kantono.

"Neniam mi intencis verki romanĉlingve. Kiam mi paŝas tra la *prada* de *Sent* aŭ de *Lavin*, la kanto venas al mi valaderlingve. Sufiĉas. Kutima ŝtelo?" For de mia denaska lingvo "senhonte mi pruntis la muzikilon de miaj gastoj, tiun raŭkan fluton tajlitan el ligno de *dschember schamblin*.

Poste mi deziris transponi miajn melodiojn en la francan por miaj amikoj de *la Bassa*".

"N.B.
*Prada*: herbejaro
*Dschember*: cembro (kvinpingla pinarbo), simbolo de Grizono
*Schamblin*: ĝemelo
*La Bassa*: la svisa ebenaĵo, (kio malsupras)".

*Denise Mützenberg* rakontis telefone: "Tiuj poemoj naskiĝis en konfronto kun la (akirita) lingvo. Tiu konfronto naskis poemojn pli universalajn ol se mi verkus franclingve. Ĉar en propra lingvo oni elektas apartaĵojn, en ĵus lernita lingvo, la elementon. La romanĉparolantoj rimarkas, ke mia romanĉa lingvo estas pli latineca ol kutime. Tio ĝojigas ilin, kiuj strebas liberiĝi el la germanlingva influo, por verki romanĉe".

Ni do publikigas, kun permeso de la verkistino, poemon el tiu libreto.

***Dumandas***

*Co scrivress*
*quel cha'ls pleds mai nun han ars?*

*Scriver es giovar cul fö*

*Co scrivess*
*quel cha'l silenzi mai nun ha feri?*

*Scriver es flajar las plajas*

*Co scrivess*
*quel ch'ün sguard mai nun ha sguarà?*

*Scriver es ir per la palingornas*

**Demandoj**

Kiel li verkus
tiu, kiun la vortoj neniam brulvundis?

Verki 'stas ludi per fajro

Kiel li verkus
tiu, kiun silento neniam vundis?

Verki 'stas malbridi vundojn.

Kiel li verkus
tiu, kiun rigardo neniam devojigis?

Verki 'stas iri laŭ transversaj padoj

La poemon tradukis *Alain Favre*




*Kutima tabulo troviĝanta sur la engadinaj domoj, kaj indikanta la daton de renovigo aŭ konstruo*

# La svisa kantono Ĵuraso festis ĉi-jare trioblan datrevenon

Efektive la 23a svisa kantono, Ĵuraso, naskiĝis la 23an de junio 1974 post 159 jaroj da batalado. La 20an de marto 1815, dum la viena kongreso, la Bazela Episkopejo, konstituita de la nunaj franclingvaj Ĵurasa Kantono kaj Berna Ĵuraso, estis kunligita al la ĝis tiam nur alemana Berna Kantono. La malnova episkopa princejo tiam ricevis la nomon "Berna Ĵuraso". Tuj la bernaj aŭtoritatoj konsideris ĝin ne kiel samrajtan ŝtaton al kiu ili ligiĝas, sed kiel propran posedaĵon. La regiono estis organizita en distriktoj estrataj de Berno kun preskaŭ nenia partopreno de la ĵurasanoj. Malkontentaj, tri el ili kunvenis en 1826 por ludi novan version de la pakto de 1291, kaj ĵuris liberigi sian landon de la berna nobelaro.



Sekvis daŭraj bataloj, dum kiuj la ĵurasanoj estis ofte konsiderataj de la Konfederacio kiel teroristoj. Nur la 1an de marto 1970 konstitucia aldonaĵo rekonis rajton al la ĵurasa popolo pri aŭtonomio. Sekve al tio la popolo estis konsultita, kaj la nova kantono oficiale naskiĝis la 23an de junio 1974, antaŭ 30 jaroj. Tamen tiu kantono ne entenis, kaj plu ne entenas, la tutan Bernan Ĵurason. La protestanta parto, kies ĉefurbo estas *Moutiers*, religie ligita al la berna kantono, same protestanta, ne kunigis la necesajn voĉojn por eniri la novan kantonon. Nur 5 jarojn poste, la 24an de septembro 1979, do antaŭ 25 jaroj, la kantono estis efektive fondita. Malgraŭ la pesimismaj antaŭvidoj de la kontraŭuloj al tiu aŭtonomiiĝo, kiuj opiniis tiun kantonon ekonomie ne vivtena, tiu ĉi normale pluvivas. Tamen tujaj malfacilaĵoj ĝin malhelpis: enloĝantoj ĉefe el laborista kaj kamparana klasoj ne alportas la samajn fiskajn enspezojn, kiel ekzemple la berna kantono kun miloj da federalaj funkciuloj. Unu el la ĉefaj lokaj industrioj, la horloĝa, travivis krizon ĝuste en tiu momento, kaj samtempe aldoniĝis la pli ĝenerala ekonomia krizo de la sepdekaj jaroj, kiu tuŝis ankaŭ Svislandon. La kantono ankaŭ suferas pro sia periferia situacio kun ne tre efika strata kaj fervoja retoj kompare kun la resto de la lando. La rilatoj inter la nova kantono kaj la Konfederacio ne tuj fariĝis pacaj. La Konfederacio volis efektive trudi al la novnaskito rezignon pri venonta reunuiĝo kun la parto restinta en la berna kantono. Ĝi volis fari tion kondiĉante financajn helpojn al tiu postulo. Kompreneble ĵurasanoj tion ne akceptis kaj la aspiro al unuiĝo staras en la ĵurasa konstitucio malgraŭ la tiamaj fortaj protestoj de la Konfederacio kaj de la berna ŝtato. La afero iom paciĝis pere de akordo inter Berno kaj Ĵuraso en la printempo 1994a, kiu kaŭzis la kreon de Interĵurasa Asembleo, kie kunsidas 24 personoj, duono el Ĵuraso kantona, duono el berna Ĵuraso (ankaŭ tiu asembleo festis jubileon la 13an de novembro 2004). La delegitoj regule kunvenas por dialogo, kiu komence estis malfacila. Eĉ se konkretaj rezultoj ne svarmas el la diskutoj de tiu asembleo, oni povas noti kelkajn paŝojn antaŭigajn: Berna Ĵuraso ĵus ricevis apartan statuson interne de la Berna Kantono, kun tamen malmulte da povo. Kaj nun la asembleo klare antaŭvidas novan tutĵurasan kantonon. Paralele iniciativo estis deponita de ĵurasaj politikistoj (unua jam ekestis) cele al unuiĝo de la kantono.



*La 23an de junio 2004 oni festis la 30an datrevenon de la naskiĝo de la kantono.*

Certe se la nunaj ĵurasaj aŭtoritatoj ĝuas kaj pluflegas normalajn rilatojn kun la svisaj aŭtoritatoj, la lastaj festoj okazis sub polica kontrolo. Aktivisma grupo, la *Béliers* (virŝafoj), ŝokis detruante iun bernan simbolon (la kapon de *Fritz*) kaj svisajn standardojn por protesti kontraŭ la ĉeesto de svisaj korifeoj dum la festoj. Tiujn agojn la ĵurasa estraro kondamnis.



*La 24an de septembro 2004, aktivisma grupo rompas patriotan svisan simbolon.*

El Le Courrier, La Liberté kaj 24Heures

[1]La pakto de 1291 kunigis la "tri unuajn svisojn", reprezentantojn de valoj, kiuj ribelis kontraŭ la tiama povo de Habsburgoj.

# Korsiko: la fantomaj lingvoj

Vizitante Korsikon, la unua afero kiu frapas la atenton estas la ĉeesto de la korsika, ankoraŭ pli okulfrapa konsidere de la franca suvereneco.
En la bela insulo, meze de Mediteraneo, kiu situas inter Ligurio, Toskanio kaj Sardio, ĉiuj loknomtabuloj estas dulingvaj: unue la franca versio, poste la korsika.




La korsika versio estas ĉiam tre interesa, ĉar oni respektis la apartaĵojn de la lokaj dialektoj. Tiel, en granda parto de la Sudo, oni facile rekonas la evoluon de latina *-ll-* al [ɖ], kiu mankas (almenaŭ nuntempe) en la Nordo. Tiu [ɖ] estas voĉa postpalata plozivo, artikulaciata kreante barieron al la aero pere de la lango kontraŭ la parto de la palato, kiu tuj sekvas la alveolojn. Temas pri sono retrovebla, en la latinida panoramo, en la sarda, en suda Italio, en eta parto de Toskanio (*Garfagnana* kaj parto de *Lunigiana*) kaj en kelkaj partoj de Asturio, en Hispanio. Jen kelkaj ekzemploj de loknomtabuloj kiuj ilustras la fenomenon: *Aullène/Auddè, Bavella/Bavedda, Caldarello/Caldareddu, Pianelli/Pianeddi, Sollacaro/Suddacarò*. Kiel oni rimarkas, la unua nomo, la "oficiala franca", estas fakte la "tradicia itala" difino.




*Stratnomtabularo duone tradicia duone turisma en Ajaccio.*

Alia klara ekzemplo estas *Porto-Vecchio/Portivechju,* kaj en la tuta insulo funkcias tiel. La kialo kaŝiĝas en la fakto, ke la itala estis la normala skriblingvo en Korsiko ĝis la akiro de la insulo fare de la francoj en 1769, kaj poste. Oni konservas en *Ajaccio/Aiacciu* leterojn en la itala de tiu epoko, verkitaj de la familio de Napoleono, inter ili troviĝas omaĝa letero de ties patro al Pascal Paoli, estro de la ribelo kiu portis al mallonga sendependeco de la insulo en 1755-1769. Nur poste la franca iom post iom akiris sian nunan rolon. La itala nun estas fantoma lingvo, kaj ĝia ĉeesto limiĝas al la interparolado, ne ĉiam senstumbla, inter lokanoj kaj italaj turistoj, aŭ al la diversaj radioj (laŭ la orienta marbordo, el Toskanio, laŭ la suda, el Sardio - bedaŭrinde nur en la itala, ŝanĝiĝas la prononcmaniero).




*En Bonifacio oni povas flari ĝenovan dialekton jam de la stratnomoj.*




Irante de *Aiacciu* al *Bonifacio/Bonifaziu* oni povas halti en la belega arĥeologiejo *Filitosa*. La panoramo estas sufiĉe sovaĝa, kaj naciismaj manoj (ekzistas en Korsiko multaj naciismaj partioj kaj grupoj, kiuj malferme postulas sendependecon disde Francio) ŝmiris la loknomtabulojn: oni legas nur la korsikan version, tiel ke ankaŭ la franca iel fariĝas fantoma.
Same fantoma ĝi povas ŝajni, se oni aŭskultas la homojn paroli: la akĉento ĉe la junuloj memorigas pri tiu de suda Francio, sed ĉe la maljunuloj ĝi vere ŝajnas itala (de la Sudo?).
La korsikan oni legas ĉie, ne nur en la oficialaj tabuloj sed ankaŭ en ĉiu ajn skribaĵo de la komercistoj: apenaŭ ekzistas picejoj kiuj ne nomiĝas *A Pizzeria* (itale estus: *La Pizzeria*), vinejoj kiuj ne nomiĝas *A Cantina*



*Inter Aiacciu kaj Bonifaziu la loknomtabuloj estas ofte ŝmiritaj: la "franca" oficiala nomo malaperas favore al la korsika, kiu restas sola.*

(itale: *La Cantina*) ktp. Sed la homoj ne tiom parolas ĝin. Oni aŭdas ĝin de la masonistoj, sed se oni iras al trinkejo, oni jam rimarkas ke eĉ maljunuloj, komprenante ke oni subaŭskultas ilin, tuj pasas al sia italece sonanta franca lingvo kriante pri futbalo aŭ aliaj trinkejaj distraĵoj.



*Balotkampanjo en Portivechju*

Ankaŭ la korsika estas fantoma, malgraŭ tio, ke la rektoro de la universitato en *Corti* estas iaspeca gvidanto de la movado por ke la lingvo saviĝu, kaj ke la samurba muzeo donas mirindan ekzemplon de dulingveco en la klarigaj tabuloj. Kontraŭe al aliaj lokoj kie vivas minoritatoj en Eŭropo, la lingvo kaj ĝia problemaro estas ankoraŭ temo en Korsiko, kaj oni provas reenkonduki la scion pri ĝi inter la junularo, ankaŭ pere de iniciatoj en la lernejoj kaj en la televido.

Aliflanke oni havas la impreson ke la afero pri la korsika estas pli parto de la insula identeco, farita ankaŭ el kontraŭkontinenteco, ekonomiaj postuloj, revoj pri pli bona socia estonteco, ol kerno de aparta problemo por la lokaj loĝantoj. Kiel la irlandanoj povas esti tiaj ankaŭ sen la gaela, same la korsikanoj sentas sin tiaj ankaŭ sen la korsika, kaj ĝuste tio, laŭ mi, pleje minacas ilian identecon.

Oni devas tamen enkonduki pozitivan rimarkon: kompare al multaj italiaj dialektoj, kiuj malaperos senspure en la indiferento de akademia mondo kiu okupiĝas pri aliaj aferoj, la korsika dialektaro estas studata kaj studita en plurfaceta kaj profunda maniero, kaj abundas publikaĵoj ĉi-rilate. Temas pri publikaĵoj interesaj kaj tre honestaj, kiuj ne kaŝas la evidentan fakton ke lingvistike la korsika estas itala dialekto (la plej proksima al la toskana, malgraŭ la nuna elfrancia -r-), sed evitante polemikojn pri tiu ĉi aspekto, tiuj publikaĵoj studas la diversajn dialektojn kaj ties interagadon, laŭ moderna lingvistika kaj socilingvistika metodo. Oni tiel malkovras ke la dialekto de *Bonifaziu* estas ligura, ne korsika, simile al la dialekto de *Carloforte* en Sardio, kaj ke en *Cargèse*/*Carghjese* oni iam parolis greke: en 1670, por fuĝi de la turka okupado, ĉ. 800 grekoj el *Vitylo* petis azilon de la



*La korsika universitato en Corti provas pli vidigi la korsikan lingvon*

Ĝenova Respubliko. Post pluraj jaroj de intertraktado, ili akiris en 1675 teritorion en Korsiko, kie ili fondis kolonion en *Paomia*, nemalproksime de *Sagone*. La loka loĝantaro tamen ne volis ilin, vidante en tiuj grekoj aliancanojn de Ĝenovo. Ilia riĉeco ĵaluzigis la montaranojn de *Vico*, kiuj atakis la kolonion en 1715, kaj denove en 1729. En 1732, la grekoj fuĝis al Ajaccio, kie Ĝenovo ofertis terenojn al ili. Tie ili restis dum 43 jaroj kaj kreis la kapelon de la Grekoj. Post la alveno de la francoj, la grekoj ricevis en 1769 la teritorion de *Carghjese*, kaj 50-opo da familioj efektive iris tien en 1774. Ankoraŭ nun flirtas sur iu domo la greka flago, kaj la du preĝejoj, ortodoksa kaj katolika, rigardas unu la alian. Dum diservoj oni ankoraŭ povas aŭskulti la grekan, parolatan de la pastro...

Por scii pli pri la dialekto de *Bonifaziu*:

http://perso.club-internet.fr/gcompa/site_b_dialecte/b_lexique_bf.html




Daniele Vitali

# La kataluna lingvo en Eŭropa Unio

**Nova registaro pli favora al hispaniaj lingvoj**

La membriĝo de dek novaj ŝtatoj en Eŭropan Union la 1an de majo kaj la diskuto pri konstitucio efikis, por ke diversaj grupoj, kiel la esperantistoj, provu profiti la eblecon por enkonduki ŝanĝojn. En Iberio, la renversaj rezultoj de la kataluniaj elektoj (novembro) kaj hispaniaj (marto) portis la socialistojn al la koncernaj registaroj.

Samtempe, sendependistoj de Respublikisma Maldekstro duobligis siajn voĉojn, fariĝis koalicia membro de la kataluna registaro (kaj gajnis por si la ŝlosilan postenon de ĉefministro), kaj, okobliginte siajn seĝojn en la hispana parlamento, fariĝis la kvara parlamenta grupo. La dekstra katalunisma koalicio Konverĝo kaj Unuiĝo, la reganta partio de antaŭ 24 jaroj en Katalunio kaj subtenanto de la hispaniaj registaroj en la lastaj 11 jaroj (unue socialistaj poste dekstristaj), pagis karege sian subtenon al la pli kaj pli senkaŝe novfaŝisma politiko de la Popola Partio. La nova partia kandidato, anstataŭinta *Jordi Pujol*, la katalunan prezidanton ekde 1980, rikoltis sinsekvajn malsukcesojn, ĉiufoje pli akrajn, en la katalunia, hispania kaj eŭropa balotadoj. Tamen, lia partio restas la ĉefa katalunisma partio, superante la sendependistojn.

En marto, do, la situacio staris jene: Katalunio havas maldekstran koalicion socialisman-sendependisman-ekologiisman, kun socialista prezidanto kaj sendependisma ĉefministro. La hispana parlamento havas kiel trian, kvaran kaj kvinan parlamentajn grupojn katalunismajn kaj eŭskismajn partiojn. La socialistoj bezonas parlamentan subtenon por transpreni la registaron, sed samtempe neniu deziras iel ajn ligiĝi al la Popola Partio. La socialisma kandidato, *Rodríguez Zapatero*, kastililingva leonano, ŝajnas multe pli sincere akceptema al la postuloj de la naciaj malplimultoj ol la falsega *Aznar* de la unua mandato, kiu ne malpli bezonis ilin.

Ĝuste pro tiu ĉiel favora kunteksto, kiam *Rodríguez Zapatero* en sia akceptiĝa debato en la parlamento, esprimis, ke li proponos la oficialigon de la kunoficialaj lingvoj de la lando en Eŭropa Unio, la anonco vekis grandan surprizon kaj esperon. Neniam antaŭe iu ajn registaro de Hispanio, inkluzive de la socialistaj, menciis la eblecon, ke la kataluna, galega kaj eŭska fariĝu oficialaj lingvoj de Eŭropa Unio. Kompreneble, la enkonduko de tri novaj lingvoj en konstitucion, pri kiu oni tiam diskutis tre konkretajn aspektojn, tute malsamajn, fare de nova registaro de lando, kiu neniam en 20 jaroj menciis tiun eblecon, ne plaĉis al la ceteraj membroŝtatoj. Aparte rekte kontraŭstaris Francio, nelaste ĉar ĝi havas katalunan kaj eŭskan malplimultojn.

La hispania peto tamen ne celis la enkondukon de tri plenrajtaj oficialaj lingvoj, ekzemple en la Eŭropan Parlamenton, sed pri la rajto, ke tiuj lingvanoj povu rilati kun la eŭrop-uniaj instancoj en siaj lingvoj. Fakte, konsideri ilin je la sama nivelo de la irlanda, duaranga oficiala lingvo de la Unio. Ŝajne eĉ ne tion oni antaŭvidas, kaj la sola propono de Eŭropa Unio estas traduki la konstitucion kaj kelketajn ĉefajn dokumentojn al la tri lingvoj. Kredeble, katalunoj, galegoj kaj eŭskoj devos plu rilati hispane aŭ france kun Eŭropa Unio.

*Hèktor Alòs i Font*

**La kataluna lingvo konfuzita kun la germana en la Eŭropa Parlamento.**

La 16an de sptembro, unu tagon post la malpermeso uzi la katalunan en la Eŭropa Parlamento esprimita de la prezidanto *Borrel*, dum tiu lingvo ankoraŭ ne estas oficiala, la kataluna deputito *Bernat Joan*, ne povante uzi propran lingvon decidis esprimiĝi germane kaj estis silentigita.

Meze de plena kunsido, dum la prezidanto *Borrel* lasis la portugalan vicprezidanton *Antonio Costa* gvidi la diskutojn, la deputito *Bernat Joan* petas la parolon kaj esprimiĝas germane: "konsiderante la rekomendon de *Borrel*, ke la katalunoj ne uzu sian lingvon en la parlamentejo...". La vicprezidanto notante, ke la kataluna deputito ne uzas la kastilian juĝas, ke estas tempo interveni: "Permesu, ke mi vin interrompu, sed dum la plenaj kunsidoj estas devige esprimiĝi en unu el la oficialaj lingvoj dicidataj de la Konsilantaro de EU: mi petas vin respekti la regulon".

konsterniĝo ekas en la salono, ĉefe inter la germanlingvaj deputitoj, kiuj komencas protesti. *Joan* klarigas "Mi parolis germane, unu el la oficialaj lingvoj kaj plie lingvo uzata en Strasburgo". La vicprezidanto *Costa* komprenas sian eraron: "Mi petas pardonon, mi ne aŭdis, ke estis la germana"!

Informoj ricevitaj de *Hèctor Alòs i Font*

# El diversaj komunikiloj

***MONATO***

- Numero 9, septembro 2004, p. 18: "**Plurlingva Svislando, ĉu pagebla lukso?**", *Marko Naoki Lins.*
- Numero 11, novembro 2004, p. 24: "**Hispanio volas la katalunan, eŭskan kaj galegan kiel EU-lingvojn**", *Marko Naoki Lins.*

***LA ONDO DE ESPERANTO,***

- Numero 12, decembro 2004, p. 3: "**La mondo estas tia, kia oni volas ĝin vidi**", *intervjuo de H. A. i Font*

**ROMNET. HU**

www.romnet.hu

Tiu ttt-ejo estas nun tradukita esperanten fare de *Istvàn Ertl*. Je la unua paĝo, inter la romaa, la hungara, la franca, kaj la angla, vi povas alklaki la esperantan lingvon. Kaj vi malkovras bone aktualigitan ttt-ejon, kun multaj informoj:

- "**Unua kunsido en Bruselo de la laborgrupo de Eŭropa Popolpartio pri integrado de romaoj, sub gvido de *Viktor Orban***". RomNet, 8an de decembro 2004.
- "**Minacata lukto kontraŭ malriĉeco**", RomNet, 9an de novembro 2004. Ktp

*István Ertl,* la sola tradukisto de la ttt-ejo, komentas: "Ŝajnas, ke la esperanta sekcio de tiu retejo estas pli vigla ol la la franca kaj la romaa, kaj komparebla al la angla. Tamen, laŭ mia ne kompleta scio, ĝi ne estas la plej kompleta aŭ plej aŭtoritata romaa paĝaro en Hungario". Vidu ankaŭ: www.romapage.hu, tradukita nur angle, www.romacentrum.hu, kaj grava provizanto de informoj estas la Romaa Gazetara Centro, www.enar-eu.org.

# Etnismaj eĥoj en eŭropa kongreso



Pluraj IKELanoj hazarde renkontiĝis dum la Eŭropa Esperanto-Kongreso en Bilbao, fine de aŭgusto 2004. Se la ĉefa celo de la Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) estas la enkonduko de esperanto kiel "tut-eŭropa" lingvo, pluraj membroj de EEU kaj la Brusela Komunikad-Centro estas ofte atentaj al minacataj lingvoj. Tiu fakto same kiel la elekto de eŭskia urbo estis aparte interesa por IKEL-membroj.

Kongresano, kiu unuafoje vizitas Eŭskion, estas frapita de tuj rimarkeblaj faktoj alvenante en Bilbao. Ĉiuj oficialaj kaj ne-oficialaj tekstoj en publikaj lokoj (muzeoj, surstrataj tabuloj ktp) estas dulingvaj, sed en la stratoj malofte aŭdiĝas la eŭska lingvo, same kiel la komercaj reklamoj pli oftas kastilie.

La unuan tagon la prezidanto de la LKK prezentis la urbon kaj la regionon Biskajo. Kompreneble granda parto de la prelego koncernis la eŭskan kulturon kaj pluraj aŭskultantoj demandis sin, ĉu la preleganto estas vere kompetenta por tiu prezento: multe da malestimo al la eŭska kulturo, ne sufiĉe da konoj por respondi la diversajn demandojn. Kaj kio frapis la ne-hispaniajn ĉeestantojn, estis la absoluta rifuzo uzi la vorton -eŭsko- dum tiu ĉi vorto estas plene agnoskita ne nur de eŭskoj mem sed ankaŭ de multaj aliaj, interalie de PIV. Kaj la vortelemento -vask- uzita de la preleganto estas konsiderata kiel arkaismo en nia ĉefa vortaro. La ĉeestantoj tuj malkovris, ke la forta emocio, kiu ligiĝas al la eŭska kulturo, estas ankaŭ fiksita sur tiu vortuzo. Dum la posta tago, en sia prezento de la laborista movado, la preleganto *Antonio del Barrio*, dezirante montri sin "tolerema", uzis ambaŭ formojn, sed tiel li kolerigis iun navaran partoprenantinon, kiu prave konsideris, ke vera toleremo devas respekti la elekton de la koncernata popolo.

Dum la unua prelego pri la regiono Biskajo junulo el Bilbao forte kontraŭstaris la malestiman tonon de la preleganto substrekante, ke ĉiuj gejunuloj de Eŭskio estas dulingvaj. Li rakontis, ke li malkovris la eŭskan lingvon dum siaj studoj en la universitato, kie li renkontis multajn denaskulojn, tie la lingvo estas ege viva inter la studentoj. Kaj li deklaris, ke ekde tiu epoko li flue parolas eŭske same kiel kastilie.

Via redaktorino, unuafoje en rekta kontakto kun la eŭska kulturo, sentis fortan bezonon pli bone kompreni la sintenon de juna eŭsko al la propra kulturo kaj tiucele faris demandojn al tiu junulo, kiu nomiĝas *Patxi Mendez* kaj estas matematikisto kaj informatikisto.

Rapide mi komprenis, ke li malfidemas miajn demandojn, timante, ke mi enkarcerigu lin en tro kliŝan bildon, aŭ ke mi misuzu liajn dirojn.

***Etn*: Vi diras, ke vi flue parolas la eŭskan, kaj mi ŝatus scii, kie kaj en kiuj situacioj vi ĝin uzas.**

***PM***: En la festoj...

***Etn*: Ĉu nur en la festoj?**

*PM*: En la vilaĝoj mi ne sentas min kiel la vilaĝanoj... En *Portugalete* [haveno de Bilbao], kie mi loĝas, neniu parolas eŭske. Neniu kontraŭstaras ankaŭ... En *Portugalete* de mil jaroj oni ne plu parolas eŭske...

***Etn*: Ĉu vi legas eŭske?**

***PM***: Vidu, kiam mi legas la ĉiutagan gazeton *Berria*, ekzemple, ili nur parolas pri naciismaj aferoj.

Mi deziris scii, kion reprezentas por li la eŭska lingvo.

***Etn*: Kiam vi havos infanojn, ĉu vi edukos ilin dulingve?**

***PM***: Dependas, de kie mi loĝos... Ĉi tie la eŭska fariĝas pli kaj pli deviga... Vidu, ankaŭ la kastilia estas grava lingvo... kaj la angla... eble la eŭska mortos post cent jaroj...

***Etn*: Kial vi lernis la eŭskan?**

***PM***: Mia avino ĝin parolis.

**Etn: Estas parto de viaj radikoj...**

***PM***: Jes... ĉu ni bezonas radikojn?

En Bilbao mi konsciis, kiom etnisto devas esti respektema al ĉies ideoj. Certe la vidpunkto de *Patxi Mendez* ne estas tiu de ĉiuj eŭskaj junuloj, kiuj profitis de la bataloj de siaj antaŭuloj, por ke ĉiu estu edukita dulingve. Sed oni povas kompreni, ke vivi en etoso, kie plene esprimiĝas naciismo, eĉ de dumlonge premita etno, povas foje esti peze al junulo. Tiel mi komprenis la vortojn de *Patxi Mendez*.

Sed en Bilbao mi ankaŭ renkontis *Xabier Rico Iturriotz*, IKEL-membro, kiu verkis tre interesan artikolon por ***Etnismo*** ("Eŭskio en vojkruciĝo", n°69, p.12). *XRI* instruas historion en la eŭska lingvo kaj rimarkigas, ke certe li por tio disponas bonajn librojn. Tamen, se oni volas konkretigi sian instruadon pere de kroma materialo, kiel filmoj, oni frontas gravan mankon.

*XRI* ŝatas uzi la eŭskan lingvon, ĝin legi kaj paroli. Li legas eŭskan literaturon kaj ankaŭ tradukaĵojn el la tuta mondo.

Mi mem aĉetis unu numeron de *Berria* kaj nur rigardante la internaciajn vortojn kaj bildojn mi konstatis, ke ĝi estas riĉenhava. Temas pri 43paĝa taggazeto, kun 14 paĝoj dediĉitaj al la loka politiko kaj la cetero al ekonomio, tutmondaj informoj, sporto, kulturo ktp, kiel ĉiu normala taggazeto. En ĝia retejo - www.berria.info - oni ankaŭ povas trovi kelkajn paĝojn en la angla, inkluzive de difinoj pri la eŭska socia kaj politika vivo. Jen tiu de *ETA*: *Euskadi Ta Askatasuna = la eŭska lando kaj ĝia libereco. Armita pro-eŭska sendependisma organizo. Fondita en 1959, ĝi alportis profundan ideologian ŝanĝon en la eŭskan naciismon.* Vere tia "milda" difino, kiu apenaŭ supozigas, ke temas pri terorisma organizo, povus ŝoki multajn, interalie eŭskajn naciistojn, kiuj deziras sendependigi sian landon uzante nur demokratajn rimedojn kaj eĉ plej ofte konsideras *ETA* kiel sian plej danĝeran malamikon.

*(Sekvo kaj fino de la artikolo en p. 24)*

# Koncize el...

**EŬSKIO**: **Reagoj kaj demandoj post la arestado de la supozataj estroj de ETA *Mikel Albisu* kaj *Soledad Iparragirre*, kaj post la konfisko de granda kvanto da armiloj.**

Kiam la 3an de oktobro 2004a, la franca polico tiel sukcese agadis, pli klaris reagoj kaj demandoj en la eŭska socio: Ĉu la fino de ETA proksimas? Post tiaj batoj kelkaj tion plu demandas. Antaŭ dek jaroj, ne tiel grava, sed sufiĉe simila polica agado frapis la armitan eŭskan organizon, kaj malgraŭ tio ETA pluekzistas. Sed la subteno al ETA multe malkreskis en la eŭska popolo ekde tiu epoko. Ĉu la agado de ETA kaŝas la kernon de la eŭska konflikto - atingo de rajto al memdetermino -, ĉar la kontraŭuloj al tiu rajto daŭre klopodas identigi tiun rajton al perforta agado, kaj neas ke tiu postulo al memdetermino tutsimple respondas al demokratia principo?

Konsiderante, ke dum tiu lasta jaro la atakoj de ETA, ĉefe post la socia ŝoko kaŭzita de la atencoj de la 11a de marto en Madrido, fariĝas preskaŭ simbolaj, ĉu tio signifas ke ETA konscias, ke plua krima agado signifus memmortigon de propra perarmila organizo kaŭze de fortega socia reago? Ĉu nun, post tiu lasta polica agado, stariĝas pli bona aŭ pli malbona situacio favore al militpaŭzo? Ĉu ekzistas iu meza vojo por pliproksimigi la memdeterministojn al la kontraŭuloj de tiu rajto? Kiam venos tempo pri konsento kaj fino de sufero?

Du iniciatoj sursceniĝas nuntempe: reformo de la statuto de la Eŭska Aŭtonoma Komunumo, proponita de la regantaj moderaj eŭskaj naciistoj iuflanke, kaj Nacia Diskutejo proponita de la maldekstremaj eŭskaj naciistoj aliflanke. La plej gravaj hispannaciistaj partioj: la Popola Partio kaj la Socialista Partio kontraŭas sed samtempe prifajfas ambaŭ tiujn agadojn. Ĉu fine la suno leviĝos super la eŭska horizonto? Verŝajne ne en proksima futuro.

*Xabier Rico Iturriotz*

**Ses membroj de ETA skribe esprimiĝis el karcero.**

Ili alvokis la direkcion de la separatisma eŭska organizaĵo forlasi la perarmilan lukton. Ili skribis aŭguste, antaŭ la detruo de ties direkcio, sekve al la francia arestado, raportas la *Diario de Noticias*.

La ses militantoj, inter kiuj troviĝas kvar antaŭaj gvidantoj de ETA, opinias ke "la perarmila batalo disvolvata hodiaŭ utilas al nenio plu". La subskribantoj forte rekomendis "institucian kaj popolamasan lukton" ĉar "nia politika-militista strategio estis superita per la subpremado de nia malamiko". Ili aldonis, ke "neniam, dum la historio de la organizo, ni tiom malbonfartis". "La malkapablo plifortigi perarmilan lukton kaj la maleblo kunvenigi fortojn ebligantajn lastinstancajn negocadojn kun la centra povo devigas nin repensi la avangardan strategion ĝis nun defenditan", "ekde nun la tuta nacia maldekstro (*abertzale*) devus defini la strategion kaj la celaron de nia popolo per la politikaj iloj uzataj ĝis nun".

Se aŭgusto 2004, dato citita de la gazeto, estas aŭtenta, la letero estis redaktita antaŭ la operacio kontraŭ ETA en sudokcidenta Francio.

*La Liberté*

**ARGENTINO: Renkontiĝo pri la lingvoj minoritatigitaj de la hispana**.

De la 17a ĝis la 20a de novembro okazis en *Rosario* (Argentino) la 3a Internacia Kongreso de la Hispana Lingvo pri la temo "Lingva identeco kaj tutmondiĝo". Pluraj argentinaj asocioj, kiuj ne estis akceptitaj, decidis organizi paralelan aranĝon, la 1an Lingvo-kongreson, de la 15a ĝis en 20a en la sama urbo. Ĉi tiu kongreso celas plenigi la enhavojn, kiuj estis flankenlasitaj en la alia aranĝo, kaj substrekas la plurlingvecon kaj plurkulturecon de la sudamerikaj landoj kaj la rolo de la hispana kontraŭ ĉiuj ceteraj lingvoj de la kontinento. En tiu aranĝo kunvenos cento da komunumoj suferintaj kaj plu suferantaj la persekuton kaj la malakcepton de siaj idento-rajtoj.

*El Vilaweb*

**OKCITANIO: Tuluzo reokcitaniĝas**.

Tuluzo reakiras la nomon de la stratoj. La pasintan 25an de majo, jam 200 platoj pendis en 50 stratoj. La okcitanigo devas atingi 400 stratojn, preskaŭ la tutan urbon. Ĉiu nova strato ricevos aŭtomate okcitanlingvajn nomtabulojn.




Tio okazis danke al iniciato de *Corrent Revolucionari Occitan* (Okcitana Revolucia Fluo) kaj de kvindeko da grupoj kuniĝintaj sub la nomo *Convergéncia Occitana* (Okcitana Konverĝo), kiuj profitis la pasintan municipan balotadon por eltiri tiun promeson de la politikistoj. *Institut d'Estudis Occitans*, kvazaŭa lingvo-akademio, prizorgas la ĝustecon de la nomoj.

Indas ankaŭ rimarkigi la 47 historiajn platojn lokitajn surstrate permesantajn koni la historion de monumento aŭ loko en la urbo. Ilin ne tute bonvenigis la urba konsilantaro, pretekste ke ili povus glitigi preterpasantojn.

Espereble baldaŭ ni povos rakonti pri la okcitanigo de la metroo.

*Infòc / Kataluna Esperantisto*

**Malaterra, jen la unua fikci-filmo en la okcitana.**

Ni troviĝas en la provencaj Alpoj en septembro 1916. *Félix* estas knabo, kiu atendas la revenon de sia patro el la milito. La alveno de vagabondo en tiun familion ŝanĝos ĉion. Temas pri mistera filmo, en kampara

familio loĝanta sola apud izolita detruita vilaĝeto, *Matalerra*.

*Malaterra* estas filmo de *Philippe Carrèse* produktita de *Thierry Afflalou*. Ĝi gajnis du premiojn en la fikcia festivalo de *Sant-Tropès*. Ĝi estas preskaŭ tute parolata en la provenca dialekto de la okcitana (kun franclingvaj subtitoloj) por doni pli da realismo al la rakonto. Nur publikaj funkciuloj kaj ĝendarmoj parolas france. Ĝi montras klare la lingvan situacion de la lando kaj de la epoko.

*France 3* elsendis la filmon tutŝtate pasintan 11an de novembro. La DVD troveblas en plej multaj vendejoj en Francio, kaj oni povas aĉeti ĝin tra la ttt-ejo: www.oneplusone.fr

Sed oni jam anoncas duan filmon en la okcitana. Temas pri la itala produktaĵo *Luserna* (provizora nomo). Temas pri gaskona paŝtisto, kies familio translokiĝas el Gaskonio en okcitanlingvan italan valon pro konstruo de atomcentralo. Tie vilaĝanoj helpas ilin refari sian vivon. En la kerno de la filmo oni spektas ŝokojn inter la vilaĝaj turistoj kaj la supozite eksterlanda "franca" familio. La gaskona familio, pro lingvo, kulturo, kaj vivmaniero ne tiom eksterlandanas, kiom la turistoj. Tiuj lastaj, kvankam same italaj ol la vilaĝanoj, estas fakte la veraj entrudiĝantoj.




*Ferriòl Macip i Bonèt* (kunrespondeculo pri okcitanlingvaj novaĵoj en la Barcelona Televido).

### TATARIO: La parlamento volas anstataŭi la cirilan alfabeton per la latina. Moskvo malakceptas.

La 22an de oktobro 2004 la parlamento de Tatario (*Tatarstan*), aŭtonomia respubliko kadre de Rusio, decidis anstataŭi la cirilan per la latina alfabeto. Kremlo malkonsentis kaj portis la aferon antaŭ la konstitucian kortumon de Rusio, kiu donis negativan respondon al la tatara peto la 26an de novembro 2004. Temas pri interesa kazo de alfabeta sendependecemo: malgraŭ la politika premo de Kremlo, ŝajnis, ke la plej alta tribunalo de la Federacio povintus agnoski, ke oficialaj lingvoj kiel la tatara rajtas adopti la skribmanieron, kiu plej bone esprimas ĝian fonetikon. Tamen estintus "risko", ke tiu malciriligo disvastiĝus al aliaj aŭtonomaj respublikoj kiel Baŝkirio aŭ Jakutio, kiuj ankaŭ havis alian alfabeton antaŭ la ciriligo fare de Stalin. Putin kaj Duma (la rusia parlamento) komisiis la plej bonajn advokatojn por haltigi ĉi tiun iniciaton de alfabeta sendependiĝo. La federaciaj aŭtoritatoj asertas, ke la skribmaniero de lingvo ne estas esenca trajto, ĉar kio valoras estas la parola tradicio, kaj ankaŭ ke la cirila alfabeto funkcias kiel kultura harmoniigilo en la Federacio. En la malamikeco al la cirila, Putin vidas "atakon" kontraŭ Moskvo, la centra povo kaj timas pri la deziro sendependiĝi, kiu ja montriĝas en pluraj lokoj. Dum mil jaroj, ĝis 1927, la tatara skribiĝis per arabaj literoj, poste per la latinaj, sed Stalin en 1939 altrudis al ĝi kaj al multegaj aliaj lingvoj de Sovetio la cirilan alfabeton. La moskva registaro alpropriĝis al si la proteston de patro, kiu ne volis, ke lia filo studu la tataran, opiniante ĝin "senutila kaj postlasita de la angla aŭ la ĉina". Kremlo ŝajnas do preferi la lingvon de Usono aŭ de Ĉinio al tiu de siaj popoloj. Tatario havas 3,7 milionojn da enloĝantoj, el kiuj 48% tataroj kaj 43% rusoj.

*Hèctor Alòs i Font* (el Noticies culturales)

### FRANCA POLINEZIO: Kiu regas?

De semajnoj nun daŭras la felietono, ekzakte de kiam *Oscar Temaru*, prezidento de la aŭtonoma teritorio de franca Polinezio, estis renversita komence de oktobro pro perdo de unu voĉo en la loka parlamento. *Gaston Flosse* rekaptis do la povon, kiun li devis forlasi lastmaje, kiam la sendependistoj unuafoje povis regi la teritorion. Fakte nemalmultaj homoj tiam voĉdonis favore al la opozicio nur pro la fakto, ke la registaro de *Gaston Flosse* - delonga amiko de *Jacques Chirac* - akumulis fiagojn dum multaj jaroj. Kvankam li nun troviĝas sub tre gravaj akuzoj, *Flosse* fiere reprenis la povon kun la subteno de la franca ministrino pri transmaraj teritorioj, *Brigitte Girardin*, kiu de monatoj provis foje tute aperte subfosi la novelektitan tahitian registaron, interalie minacante pri nesendo de jam deciditaj subvencioj. Tamen la kutime tre pacemaj polinezianoj organizis gigantajn manifestaciojn cele al la kontestado de la renverso – la parlamentano, kiu ŝanĝis kampon, verŝajne estis iel pagita (li nun vivas en kaŝejo, eble ie en Normandio). Aldone *Temaru* rifuzis forlasi sian oficejon. Post longaj hezitoj kaj konsultoj de la altaj juraj konsilioj de la tre digna franca respubliko ŝajnas, ke almenaŭ en parto de la insularo oni devos revoĉdoni, kion postulas la sendependistoj. Aparte sekvenda afero…

*Alain Favre*

---

### Kiu lingvo estas?

San 1887, « Espéranto » sigira fɔlɔ ka kɛ porozɛ ye, min bɛ nɔgɔya don ɲɔgɔnfaamu na diɲɛ fan tan ni naani mɔgɔw cɛ, ni kanko siratigɛ ye. A ma mɛɛn jɛkulu in ka minɛn nana fanga sɔrɔ ka kɛ kan ɲɛnama

Sendu vian respondon al la redakcio!



# -INFORMILO 55

**KUNVOKO DE LA IKEL-MEMBROKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj estas invititaj partopreni en nia membrokunsido, kiu okazos dum la 90-a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (Litovio) fine de julio 2005. Provizora tagordo:

1) Voĉdonado pri la agadraporto koncerne la pasintan estraran periodon
2) Voĉdonado pri la kontoj koncerne 2004
3) Elekto de nova estraro
4) Diskuto pri IKEL, ĝia rolo en la E-movado kaj ĝia estonteco.

**KUNVOKO DE LA IKEL-FAKKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj en la 90-a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (Litovio) estas invititaj al la IKEL-Fakkunsido pri "Lingvaj kaj etnaj minoritatoj en la Baltaj Landoj: antaŭ kaj post la aliĝo al Eŭropa Unio", dum kiu ni prezentos ĉi tiun interesan temon. La kontribuo de ĉiuj estas bonvena!

*Daniele Vitali*, prezidanto

-----------------------

**Etnismaj eĥoj el eŭropa kongreso** (sekvo kaj fino)

Por kompletigi miajn impresojn mi vizitis grandan librovendejon kaj surpriziĝis: 95% de la spaco estas okupata de kastiliaj verkoj aŭ tradukoj, bone elmontritaj. En la infanlibra parto, sur unu breto el ses, la libroj estas en la eŭska. La eŭskaj lernolibroj absolute egalas kvante kaj kvalite la kastiliajn, sed mi longe serĉis la ceterajn librojn en la eŭska. Finfine mi trovis tutcentre de la vendejo bretaron kolonforman kun certe multe da verkoj en la eŭska, sed ne ekspoziciitaj. Ja aĉetanto de eŭsklingvaj verkoj devas esti motivita antaŭ la eniro en vendejo! Oni povas kompreni, ke junulo ne estu tiom allogata. Nur fine de la kongreso, vizitante la parlamentan kunvenejon, la partoprenantoj povis havi veran kontakton kun la eŭska kulturo. Tio ĉi danke al *Xabier Rico Iturriotz*, kiu petis, ke la prezenta filmo estu en eŭska versio dum li mem tradukis esperanten. Tio ebligis bonan aŭdon de la lingvo.

La komitataj kunsidoj dum la kongreso ĉefe traktis la novan statuton. Interesos etnistoj, ke unu el la kvin celoj de la asocio estas "kontribui al garantiado de egalaj lingvaj rajtoj por ĉiuj lingvoj indiĝenaj en EU - oficialaj, **minoritataj aŭ regionaj**". Pli problemiva por etnisto estas la artikolo kvar, pri membroj: "Efektivaj membroj estas esperantaj asocioj de la diversaj landoj de Eŭropa Unio, kiuj akceptas ĉi tiun statuton kaj nomumas reprezentanton... **La asocio normale akceptas kiel efektivajn membrojn nur unu asocion el ĉiu lando**."

Tiu punkto kolerigis la katalunan observanton, *Llibert Puig*. Ankaŭ *Michael Cwik* el Bruselo konstatis, ke EEU reproduktas la maldemokratan situacion de Eŭropa Unio.

*Nicole Margot*

***Estraro:*** **PREZIDANTO:** Daniele VITALI (padiano), 6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: xx 352 48 94 24, retadreso: daniele.vitali@internet.lu
TTT-ejo: http//Beam.to/IKEL
**VICPREZIDANTO**: Uwe Joachim MORITZ (platdiĉo)
Im Römerfeld 44, D-52249 Eschweiler, tel: xx 49 2403 66888
**KASISTINO:** Ursula SCHNELLE-MORITZ (platdiĉino)
(Sama adreso kiel supre)
**GEESTRARANOJ:**
Alain FAVRE (savojano), kunredaktoro de ***Etnismo***
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo, F-74140 Chens-sur Léman
tel: xx 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com
- Acuŝi HOŜIDA (japano) Miyannomori 2-18-18, Tomakomai, 053-0844 Japanio
- Anita PERIĈ ALTHERR (slovenino), via degli Olmi 23, I-Trieste tel: xx 39 40 41 49 16
- Jean THUMERELLE (franco), rue Pierre de Simpel 10 B-7784 Warneton, retadreso: Thumerelle.jc@yucom.be
**REDAKTORINO:**
Nicole Margot (vaŭdanino), ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
Tel xx 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch
**SENDOSERVO:**
KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO, poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: xx 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

## *Kotizoj kaj kontoj:*

| Membreco | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanto | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian IKEL-kotizon **ekskluzive** al la konto de IKEL ĉe UEA (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro 000-1631831-97
- GERMANA pĝk n-ro 318291 509 (bankkodo 370100500)
- NEDERLANDA pĝk n-ro 378964 **IBAN. NL24PSTB0000378964, BIC.PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro 74374-0
- SVISA pĝk 12-2310-0 (Bulle)

Ĉiukaze indiku "ikel-y" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certigi ke via kompleta kotizo alvenu en la IKEL-konto: IKEL absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn! *Ursel Schnelle-Moritz*, kasistino

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj) kostas 10.00 €. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5.00 € (inkluzive afrankon). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de IKEL, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "IKEL-Informilo" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

**Komuniko de la redaktorino**

Multaj el vi pozitive respondis al mia alvoko pri kontribuaĵoj al ***Etnismo***. Mi dankas ĉiujn kontribuantojn, vi ebligas diversigojn de la gazeto. Tiu ĉi numero bedaŭrinde plu malfruas pro transira periodo, sed mi forte esperas, ke venonta numero aperos antaŭ la venonta Universala Kongreso, komence de junio. Tial mi fiksas la redaktan limdaton je la **15a de marto 2005**. Male vi ne multnombre respondis la pasintnumeran enketilon. Tion vi ankaŭ povas fari ĝis fine de junio. *N. Margot*

**Eratumo:** La lasta **IKEL-informilo** erare numeriĝis 53 anstataŭ 54.